# LITERATURA MONDO

TRIA PERIODO — DUA JARO — 3—4





REDAKCIO KAJ ADMINISTRACIO: BUDAPEST, VIII., RÖKK SZILÁRD-STR. 28, HUNGARIO

# PREZARO

**Prezoj estas montritaj en USA-dolaroj**

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| K. Kalocsay: | | |
| **STREĈITA KORDO* . . . | | 1.20 |
| Madách—K. Kalocsay: | | |
| *TRAGEDIO DE L' HOMO* . . | | 1.— |
| K. Kalocsay—Dante: | | |
| *INFERO* . . . . . . . . . | 2.50 | 2.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *ARTHISTORIO I* . . . . . | | 2.80 |
| K. Kalocsay—Waringhien: | | |
| **PARNASA GVIDLIBRO* . . | | 1.— |
| Bleier—Kökény—Ŝirjaev: | | |
| **ENCIKLOPEDIO DE ESP.* | | |
| vol. I—II. ilustrita . . . . . | Elĉerpiĝis | |
| Nur la II-a vol. ilustrita . . . | | 5.— |
| Sen ilustrajoj, vol. I—II. . . | | 6.— |
| L. Tárkony (Totsche): | | |
| *DE PAĜO AL PAGO* . . . | 1.20 | —.90 |
| K. Kalocsay: | | |
| *DEKDU POETOJ* . . . . . | 1.20 | —.75 |
| E. Aisberg: | | |
| *FINE MI KOMPRENAS LA RADION* . . . . . . . . | | 1.40 |
| E. Wiesenfeld: | | |
| *VERKARO DE FEZ* . . . . | | 2.— |
| Van Loon—Saville: | | |
| *RIGARDU LA TERON* . . . | | 4.— |

| | Bind. | Broŝ. |
|---|---|---|
| Kalocsay—Baghy: | | |
| *ARĜENTA DUOPO*, jubilea libro, I-a volumo . . . . . . | | 1.30 |
| Muzik-notoj de la II-a volumo (Kantoj de Baghy—Kalocsay) . | | —.50 |
| A. Baur: | | |
| *SVISA ANTOLOGIO* . . . . | 4.60 | 4.— |
| K. Kalocsay: | | |
| *RIMPORTRETOJ* . . . . . | | —.40 |
| Asch—Lejzeroviez: | | |
| *SORĈISTINO EL KASTILIO* . | 1.50 | 1.— |
| Grenkamp—Bzrekowski: | | |
| *PRI L' MODERNA ARTO* . . | 1.— | |
| T. Herzl—B. Selzer: | | |
| *LA JUDA ŜTATO* . . . . . | | —.90 |
| Adamson: | | |
| *AULI* . . . . . . . . . . | | —.60 |
| I. Lejzeroviez: | | |
| *EL LA VERDA BIBLIO* . . | —.70 | —.40 |
| Jerome—Badash: | | |
| *TRI HOMOJ EN BOATO* . . | 1.90 | 1.40 |
| Kikuĉi—Ŝimomura: | | |
| *AMO DE TOOĴUURO* . . . . | | —.40 |
| Goethe—Kalocsay: | | |
| *ROMAJ ELEGIOJ* . . . . . | —.80 | —.60 |
| N. Kurzens: | | |
| *MIA SPEKTRO* . . . . . . | | —.50 |
| Bleier—Ĉeuse: | | |
| *ORA LIBRO DE LA ESPERANTO-MOVADO* . . . . | | 1.— |

Aldonu 10% por afranko
Ni respondecas nur por rekomenditaj sendaĵoj.
Rekomendo por pakaĵo —.20 USA-dolaroj.

*Rimarko:* La kovrilpaĝoj de la libroj markitaj per*, perdiĝis pro la militaj okazintaĵoj. Tial ili havas simplan karton-kovrilon, sen ajna surskribo.

Provnumeroj de Literatura Monda kontraŭ 2 respondkuponoj.
Librojn mendu ĉe niaj reprezentantoj aŭ ĉe via Ebristo.

# Leterbabiloj al la frato

*Reto Rossetti*

En la lasta semajno (dum forestas la edzino) ekondis en mi la leterskriba humoro, kaj precipe la humoro Esperanta. Tio donis al mi utilajn konsiderojn. Mi trovis (rerigardante en mia vivo), ke mi ĉiam esperantis plej verve kaj kore dum tempoj de grizeco, soleco aŭ nefeliĉo. Inverse mi memoras, ke en la tempo, kiam mi sentis min plej bonege, mi vivis senpere, t. e. mi aventuris, gajis, diboĉis, kaj mi ekkompatis tiujn, kiuj devas vivi pere de libroj, romanoj: devas do vivi iluzie. Laŭ mia memoro, mi en tiu periodo, pri kiu mi pensas, skribis preskaŭ nenion, aŭ, se jes, ion nudan kaj necesan, certe nenion valoran. Kaj mi tiam ekmemoris pri certaj verkistoj, kiuj, post komenco de brila verka kariero, ĉesis verki je la aĝo de 29—30 kaj plu nenion produktis. (Sheridan kaj alia moda dramisto — ĉu Farquhar? — estis du tiaj.) Mi supozas, ke ili komencis vivi senpere.

Ni vidas, do, ke la angora sento de manko estas grandega stimulilo de la krekapablo, kaj la feliĉo ĝia malamiko! Mi mem faris mian ĉeflaboreton (tradukon de vico da poemoj) dum tempo de kriza malfeliĉo. Zamenhof vivis vivon tre mizeran kaj streĉan, dum li verkis verkojn de ardo kaj beleco. Ĉe li, tamen, la vivo estis tro rigora kaj kondukis lin al trofrua morto. Estas tute certe, ke la mizeregoj de lia vivo ĝis la jaro 1905 multe elĉerpis kaj maljunigis lin. Pri tio troviĝas bonega artikolo en la Enciklopedio.

Mi tre zorgis en la supra argumentado paroli nur el mia persona vidpunkto kaj ne dekreti ĝenerale, ĉar mi suspektas, ke vi, el via vivo, konstatas iom alie. Kion vi opinias?

*

Mi ne scias, kial Zamenhof decidis la antaŭmeton de l' adjektivo, sed li pravis. Laŭ nuda logiko ŝajnus, ke la adjektivo venus pli ĝuste *post* la substantivo, sed la sola logiko ofte (kiel ĉi tie) montriĝas tro magra por solvi punkton de lingvo... almenaŭ *mia* logiko, kiu nur diras: „Substantivo estas pli grava vorto, do logike ĝi venus unue; la adjektivo, signanta nur la atributon de la afero, povas veni poste. Aŭ: „unue ni rimarkas la objekton (ekzemple „bovino“) kaj nur poste ni konstatas (kiel akcesorajon) ĝian kvaliton (ekzemple „blanka“), sekve la vico substantivo-adjektivo („bovino blanka“) plej bone konformas al la psikologio. Apoge al tiu punkto oni notu, ke en lernolibroj oni ĉiam donas substantivojn unue kaj adjektivojn poste (efektive ili venas *tria*vice, post la verboj).“

Ĉu vi povas trovi la falsaĵon en tiu facila logiko? Falsaĵo certe troviĝas, ĉar kvankam Z. decidis -a -o kiel normalan ordon, li ankaŭ donis liberon al la vortordo, do se li estus juĝinta erare, la uzado iom post iom renversus la pozicion. Sed ial la antaŭanta adjektivo impresas normale kaj la postmeto donas ian naturan emfazon al la kvalito, ekzemple: „La nudisma sekto celas la vivon naturan“ (distinge de la vivo malnatura: civilizita).

*

Mi relegis kelkajn leterojn kaj versaĵojn, kiujn mi verkis antaŭ pluraj jaroj, kaj la viveco kaj riĉeco de la stilo iom konsternis min. Mi kvazaŭ vidis ilin la unuan fojon el fremda vidpunkto. Siatempe mi rigardis tion nur kiel la naturan stilon, kiun ebligas la lingvo mem kaj la genio de Zamenhof, kreinto de tia multepova kaj fleksebla instrumento, kaj mi malpacience (kaj iom nekomprene) rilatis al tiuj, kiuj bonvolis rigardi mian stilon kiel ion rimarkindan. Sed nun mi iom perceptas, ke tio, kion mi verkis tiel verve kaj facile, enhavas tamen ion atentindan. Kvankam mi ankoraŭ opinias, ke mia stilo ne posedas grandan meriton en si mem, sed nur la cetere malalta nivelo de lingvouzo en Esperanto tro reliefigas ĝin. Zamenhof ja kreis Stradivarius-violonon — kaj la mondo estas plena de gurdistoj.

Estas strange, ke ofte tion, kion ni faras flue, ni taksas malpeza, kvankam nia flueco verŝajne signifas, ke ĝuste tie kuŝas nia talento; kaj ni pli ŝatas tion, kio kostis al ni grandan penon, sed kiu verŝajne tiun penon kostis nur tial, ĉar ni laboris ne sur la vojomezo de nia talento, sed ie ĉe la

rando. Winwood Reade taksis facila sian „Martireco de l' Homo" kaj rigardis kiel sian ĉefverkon kelkajn romanojn, kiujn li kun granda klopodo verkis; sed ĉi romanoj (verkitaj vete je Dickens kaj Trollope) estas nun forgesitaj, kaj la „Martireco de l' Homo" estas jam klasikaĵo. La aŭtoroj estas ambiciaj kaj enviemaj, kaj ofte estas jukantaj de l' deziregо egali aliajn homojn sur ilia kampo, anstataŭ konstati pri si sian superecon en la propra, aparta kampo. Jam Shakespeare parolis pri si —

„dezirante ĉi ties potencon, ties kapablogamon".

Granda afero — koni sin mem.

*

Ĉu artisto, por produkti sian plejon, devas resti fraŭlo? Balzac, kiu laboris superhome tra la noktoj, helpe nur de kruĉoj da fortega nigra kafo, estis ja fraŭlo, kaj mi legis ie, ke lia kuracisto diris, ke li povis tiel laboregi sen kolapso nur dank' al sia severa ĉasteco. Kiam li fine edziĝis, li mortis unu jaron poste. Botticelli, Leonardo kaj Miĥelanĝelo ne edziĝis. Lastatempe mi legis en romano jenan rimarkon: „Kiu sin donas al virino, ne povas sin doni al la arto. Sin dediĉi oni povas nur unu fojon." Ĉu vere?

Mi spertis du vivojn: vivon kvietan de intelektulo-instruisto, kaj vivon de manlaboristo, vivanta per la ĉiutaga streĉado de sia fizika forto. La dua kreis en mi tian grandegan (provizoran) ŝanĝon de mia personeco, ke ĝi prilumis por mi kelkajn nekonitajn flankojn de la karakter-fenomenoj. Mi trovis, ke certaj karakterkvalitoj dependas multe pli de la bonfarto, ol mi supozadis: ŝajnis, ke ekzemple la spiritpreteco kaj la takto dependas unuavice de ĝi. Aŭ eble la ĉeno de kaŭzoj estas jena: la robusta bonfarto kreas energion kaj la impulson elspezi ĝin; ĉi tiu naskas kuraĝon kaj memfidon, kiuj siavice donas spiritpretecon kaj takton. Flankproduktoj de ĉio ĉi estas bonhumoro, granda societemo kaj ekstrovertismo: simpatio kaj intuicio por aliaj.

Mi ĉiam estis konata kiel homo sentakta kaj nedecidema. Mi akceptis tiun juĝon kaj tute ne konceptis, ke tio estas ŝanĝebla. Ke mi, dum glora periodo (daŭrinta kelkajn monatojn), povis fariĝi homo decidema, takta, kaj, kun tio tumulte petolema kaj bonhumora, tion mi neniam supozis.

Tamen ne kompleta ankoraŭ estas mia analizo (kiun, cetere, mi aplikas nur al mi mem). Kun la supraj konstatoj mi opiniis, ke mi estas trovinta la eliksiron, sed spertis, ke ĝi jen funkcias, jen ial ne efikas. Mi reiris al korplaboro por retrovi la ŝaŭmantan energion kaj personecon kaj — unu fojon ĝi ja revenis, alian fojon ne. Certe la afero ne estas aŭtomata: enestas aliaj faktoroj — iaj faktoroj de spirita harmonio, kiuj devas direkti la energion en taŭgan fluejon. Sen tio la latenta forto povas tute bridiĝi kaj alporti nur supernormalan deprimon! Ekzemple kiam mi revenis, post dujara intermito, al la instruado, mi estis ĵus laborinta 3 semajnojn kiel pioĉisto, tamen dum ankoraŭ 3 semajnoj mi havis stagnan humoron, sentis ĝenon kaj nekontenton. Kaj tiam tute subite mi komencis vervegi en mia laboro, du semajnojn poste mi trafis Karolan, kaj de tiam dum longe mi restis vivega, iniciatema, preta por ĉio. Lastatempa peno retrovi tiun belegan staton tute fiaskis (mi laboris 2 semajnojn ĉe arbohakado dum pasko). Sed mi ĉiam esperas retrovi, almenaŭ unu fojon plu, la ĝustan recepton, kiu produktos tiun alian Mi!

*

„La vivo enuigas kiel rakonto ripetata,
Obtuze tedanta la orelon de dormemulo."

Mi delonge sentas splenon kaj mordantan enuon. Mi estas homo kun modestaj kapabloj. kiu sentas tiujn kapablojn sufokitaj aŭ ŝimantaj, ĉar mi vidas nenian tirantan celon. La talento de la homo estas io senfine etendebla: en tempo de granda stimulado nivelaj homoj fariĝas talentuloj kaj talentuloj fariĝas geniuloj. Kaj la geniulo ĉe tia konjunkturo superas sin mem kaj fariĝas ia Mikelanĝelo, Leonardo aŭ Sekspir. Sed ni — ni vivas en tempo de putrado .

En ĉiu epoko troviĝas neelĉerpebla provizo da homa genio, sed plejofte ĝi restas neekspluatita. Nur escepte — unu aŭ du-foje en jarmilo — la epoko ricevas ekzaltigan fermenton, kiu stimulas kaj streĉas ĝis plejo la krekapablojn. Ĝis plejo? Verŝajne ne: la limoj de la homa krekapablo estas ankoraŭ

# ESPERANTO ANTAŬ LA TRIBUNALO

G. WARINGHIEN

Ne la unuan fojon nia lingvo prezentas sin antaŭ juĝantoj: ni ĉiuj memoras pri iu Delegacia Komitato, kiu absolvis ĝin nur konsidere al ĝiaj multaj konatuloj kaj sub la kondiĉo, ke ĝi plibonigos sian sintenon. Oni scias, kio okazis: la malbonkonduta knabo plu kreskis, dum la severmora kaj altkoluma tribunalo forgesiĝis en la ĝenerala indiferenteco.

Ĉi-foje la tribunalo konsistis el universitata aeropago, kaj la raportanto estis vere kompetenta pri la afero: eĉ la neprobabla povas okazi. Tiu kompetenta juĝisto, do, D-ro Manders, antaŭ ol pretendi juĝopovon super nia lingvo, devigis sin praktiki Esperanton dum jaroj, kaj ni povas diri, ke li pruvis sin majstro: al li efektive ni ŝuldas tiun belegan tradukon de la Odiseado, kiun mi jam recenzis en ĉi tiu revuo, kaj kiu restos plu unu el la gravaj verkoj en nia literaturo. Lia nova libro[1]) kvankam de tre diversa karaktero, estas ne malpli grava nek malpli interesa. Ĝi estas unu el tiuj verkoj, kiuj honoras la sciencon kaj la guston de la verkinto, kaj mi ne hezitas deklari, ke ĝi faros epokon en la historio de la L. I. — La sola domaĝo estas, ke tia verko aperis en la nederlanda lingvo, restante tiel ekster la atingo de tre multaj europanoj; Esperanta traduko, aŭ almenaŭ adapto, ŝajnas vere necesa. Provizore, mi penos resumi ĝin sufiĉe detale, por ke oni havu klaran ideon pri la enhavo kaj ĝia valoro. Mi avertas cetere, ke mia traduko ne estos ĉiam absolute litera.

En sia antaŭparolo la aŭtoro deklaras „Kvankam mia verko celas unualoke la lingvistojn kaj aliajn intelektulojn, kiuj, ne lerninte apartan L. I.-an, deziras orientiĝi en tiu nova tereno de la lingvistiko, tamen mi esperas, ke ĝi prezentos ankaŭ intereson por la anoj de la diversaj L. I.-aj — mi pensas precipe pri la esperantistoj, ne nur ĉar ili estas, el la nombra vidpunkto, la plimulto, sed ankaŭ ĉar ĉe ili regas ofte malĝustaj ideoj pri la aliaj L. I.-aj, precipe pri Ido kaj Occidental. La idistoj kaj occidentalistoj multe pli interesiĝas pri la teoria flanko de la problemo de L. I., ol la esp-istoj... Cetere ne estas eĉ la plej malgranda kaŭzo timi la veron. Esp-o estas neperfekta, tion Zamenhof mem konfesis; sed ĉe siaj neperfektaĵoj ĝi posedas ankaŭ eminentajn kvalitojn. Mi opinias, ke mi demonstris, ke neniu el la diskutitaj L. I.-aj estas supera al Esp-o, sed, eĉ se alie estus, mi havas ankoraŭ la konvinkon, ke la granda disvastiĝo de Esp-o pezas pli grave en la pesilo, ol la bonaj kvalitoj de ĝiaj konkurantoj... Aliflanke, estas superflue aserti, ke mi atendas nenian bonon de antaŭtempaj reformoj. Kun Zamenhof mi opinias, ke oni ne povas pensi pri modifoj, ĝis ia supera leĝdona instanco decidos pri la definitiva formo de la L. I.“

Post enkonduko en kvin partoj (1. La multeco de la ekzistantajn lingvoj. 2. Ekspansio de difinitaj lingvoj. 3. „Lingua franca“ kaj la kreolaj lingvoj. 4. La kaŝlingvoj. 5. Artlingvoj.) sekvas du ĉapitroj pri „Celo kaj intenco de la artlingvoj“ kaj pri „Historiaj donitaĵoj pri Volapük, Esp-o, Ido, Occidental kaj Novial“.

El tiuj 109 unuaj paĝoj oni povas, eĉ kiam oni jam legis la Historiojn de Couturat kaj de Dresen, ankoraŭ ĉerpi multajn interesajn faktojn kaj pripensindajn ideojn: la aŭtoro estas rimarkinde informita, kaj lia dokumentado estas plej freŝa. Li difinas kun ĝusta precizo la celon, kiun fiksis al si la kreantoj de la kvin studitaj lingvoj kaj la kondiĉojn de ilia laboro. Tio estis la necesa bazo por la ĉefa parto de lia libro (la 3a ĉapitro): „Esploro pri la valoro de Volapük, Esp-o, Ido, Occ-al kaj Novial“. Jen efektive, kion li diras, en ties unua paragrafo, pri sia metodo:

„Ĉiu el la pritraktitaj lingvoj celas fariĝi internacia komprenilo, sed ĉiu el ili prezentas al si diversmaniere, kiel atingi tiun celon. Per mallongaj formuloj, ni povas diri, ke Volapük celas plej grandan perfektecon, Esp-o plej grandan simplecon, sed kun la konservo de ĉiuflanka efikeco, Ido volas — almenaŭ en sia primitiva intenco — esti nur plibonigita kaj pli sciencotaŭga

[1]) *Vijf Kunstalen*... door Dr. W. J. A. Manders. Pĝ. 386. Prezo 7,50 nederl. florenoj. Eld.: J. Muusses, Purmerend (Nederlando). (= Kvin artlingvoj — Kompara esploro pri la valoro de Volapük, Esperanto, Ido, Occidental kaj Novial, de D-ro M.)

---

nekonataj: eĉ la titana atingo de Mikelanĝelo estas nur stumpa parto de tio, kion li projektis kaj komencis.

Sed kia malgaja konstato, ke eĉ ne unu homo el miliono plenumas tion, kion li kapablas! Ke la homaro estas tiel riĉega je latentaj povoj, sed necesas ia Renesanco aŭ Elizabeta epoko por irigi ilin! Kaj en aliaj epokoj tiuj grandiozaj kapabloj ŝimas nekonataj, aŭ plenumas eble la dekonon de tio, kion ili povus!

Jes, la latenta homa kreivo estas nekonata forto. Ĉu ne Dante Gabriel Rossetti inspiris sian kvietan, palkarakteran edzinon ĝis tio, ke ŝi ekproduktis artaĵojn: skizojn, kiuj montris eĉ fajreron de genio?

Esp-o, Occ-al volas havi la aspekton de romida lingvo kaj Novial celas fariĝi kompromiso inter Ido kaj Occ-al. Tial estas nejuste apliki al ĉiuj tiuj lingvoj la saman mezurilon. Ĉiu detalo devas esti ekzamenata en la kadro de la tuto, kaj oni ĉiam devas havi antaŭ la okuloj, kian koncepton la aŭtoro de ĉiu lingvo havis pri la celo de sia kreaĵo" (pĝ 112).

Kvankam tia rimarko ŝajnas sekvigi apartan studon pri ĉiu lingvo en ties tutaĵo, la aŭtoro opiniis pli oportuna sinoptikan prezentadon de la kvin lingvoj okaze de ĉiu ĉapitro de la gramatiko. Krome, li ne volis limigi sin al la teoria konsisto de tiuj lingvoj: asertante kun praveco, ke lingvo, kiu ne kapablas praktike plenumi sian rolon, estas senvalora, kiel ajn harmonia estas ĝia strukturo, kiel ajn granda ĝia teoria perfekteco, li volis esplori la manieron, kiel artefarita lingvo estas uzata en la ĉiutaga vivo de nekulturitaj homoj. Sed ĉi tie li renkontis grandan obstaklon: materialon por tia uzateco li trovis nur en Esp-o (kompreneble, ĉar tiu ĉi estas la sola el la lingvoj, kiu vere vivas): Volapük, Ido, Occ-al kaj Novial liveras nur tekstojn redaktitajn de malmultaj intelektuloj kaj specialistoj, kaj sekve tiuj tekstoj nenion povas instrui pri la maniero, kiel tiuj lingvoprojektoj eltenos la viv-elprovon. La aŭtoro devis do kontentigi sin per la teoria prezentado de tiuj kvar lastaj projektoj, dum Esp-o estas ekzamenata samtempe sur la teoria kaj sur la praktika kampo. Por lia teoria studo, li precipe uzis la „Plenan Gramatikon"; la praktikan studon li faris per du rimedoj: li detale ekzamenis pli ol mil leterojn, skribitajn de personoj de plej diversaj nacioj kaj kulturniveloj; aliflanke li helpis al si per la tre rimarkindaj statistikoj de ofteco, kiujn s-ro Fanton Stancliff publikigis en „Enciklopedio de Esperanto" pri „Originala Verkaro", „Hura!" kaj „Historio de E.", kaj li eĉ plilarĝigis tiun enketon al 9 aliaj volumetoj (4 poeziaj kaj 5 prozaj). Tiamaniere li liveris sciencan kaj objektivan priskribon de Esp-o, kaj, se li ne elĉerpis la temon, li almenaŭ atingis, ke de nun oni ne plu povos malatenti lian verkon. Jen la sinsekvaj partoj de tiu esenca ĉapitro.

*I. Alfabeto.* Oni jam konas la grandajn riproĉojn faritajn al niaj ĉapelitaj konsonantoj: ili tamen ĝis nun ne malhelpis la disvastiĝon de Esp-o, kaj mi tre dubas, ĉu ĝi havus eĉ unu adepton plian, se ĝi estus jam de la komenco malembarasita je tiuj tipografiaj ĝenoj.

*II. Ortografio kaj prononco.* La aŭtoro montras, kiel la zorgo pri simpleco kaj konsekvenco de Esp-o oponas al la historia ortografio kaj al la multeco de la Occidentalaj prononcreguloj.

*III. Vortaro.* D-ro Manders resumas la vortfaradon kaj afiksaron de ĉiu L. I.

Pri Esp-o li montras, helpe de siaj statistikoj, plurajn interesaĵojn. Ekz-e, aprobe al la tendenco de la neologismema skolo anstataŭigi la malvortojn per simplaj radikoj, li notas, ke en la „Fundamenta Krestomatio" oni renkontas meznombre unu mal-vorton inter 64 vortoj, en la „Rabeno de Baĥaraĥ" (pli posta je dek jaroj, almenaŭ) unu inter 50, en la „Teatra Korbo" de Baghy unu inter 116, kaj en „Preter la Vivo" unu inter 196 — rezulto despli rimarkinda, ke Baghy en 1933 publike metis sin sur la flankon de la japanoj, kiam tiuj ekbatalis kontraŭ la neologismemuloj.

Ankaŭ pri la relative ofta uzado de ek- ĉe la hungarlingvuloj troviĝas kuriozaj ciferoj: la proporcio de ofteco de mal- kaj- de ek- estas en la „Rabeno de B." 328:127, en la „Teatra Korbo" 56:43, en la „Infero" de Kalocsay 321:148, dum en la „Stranga Butiko" de la franca Schwartz ĝi estas 57:9.

Pri -an- la aŭtoro notas, el la analizita korespondado, la jam konatan kaj ne subpremeblan tendencon uzadi tiun sufikson por ĉiuj popolnomoj *(bulgaranoj, anglanoj, italianoj, rusanoj, francanoj, turkanoj, hispanoj* estis renkontitaj de li).

Pri -uj- li konkludas: „oni povas antaŭvidi, ke kun la tempo -uj- devos lasi la lokon al -io kaj al -lando, sed oni ne povas ankoraŭ antaŭvidi, kiu el tiuj du lastaj formoj finfine triumfos".

Pri -ig- kaj -iĝ- lia traesploro de la korespondа materialo montras, ke tre multaj esp-istoj eraras pri la uzo aŭ neuzo de tiuj du sufiksoj, ĉar ili ne povas ĝuste memori la transitivecon aŭ netransitivecon de la verbaj radikoj.

Konklude al la vortfarado en Esp-o, D-ro Manders deklaras, ke la vortmalriĉo, principe intencita de Zamenhof, restas, malgraŭ la nombro de la neologismoj poste enkondukitaj de Zamenhof mem, kaj de liaj sekvantoj, potenca helpilo por la ne-eŭropaj popoloj, kiuj per tiu senfina multformeco de la kunmetado, povas malŝarĝi sin je la lernado de peza vortaro.

Pri la Ido-vortaro, D-ro Manders detale difinas la multajn afiksojn kaj la famajn regulojn pri „reĥverseblecо", por konkludi kun Jespersen (kiu mem en 1928 apostatiĝis de la Beaufronta sekto): „Kiam oni skribas en Ido, oni ĉiam troviĝas antaŭ la demando: ĉu la logiko ĉi tie permesas al mi senpere derivadi, aŭ ĉu mi devas uzi sufikson, kaj kiun? *Skribo, skriburo, skribajo; vundo, vunduro; impedo, impedilo, impedivo; grupar, grupifar, grupigar, grupozar . . .?* Kiun mi elektu?"

Pri la Occidentala vortaro, la aŭtoro montras, kiel von Wahl intencis kaj sukcesis „enkorpigi la internaciajn vortojn en unu regulan sistemon de derivado". Efektive vortoj, kiaj „television, stabilisation, amabilità, calore, plantage, cigarette, promenada, herbarium" estas regule formataj Occ-alaj derivaĵoj. — Sed montrita estas ankaŭ la multegaj afiksoj (91, el kiuj multaj estas sinonimaj) kaj la senautonomeco de la lingvo.

Al ĉio tio aldoniĝas la malfacila akcentado: la akcento falas sur la vokalo antaŭanta la lastan konsonanton — kaj tiu regulo estas multe pli malfacile aplikebla, ol la nia, ĉar ĝi praktike signifas, ke oni akcentas jen la lastan („autor"),

# Poemoj de Sándor Petőfi

El la hungara: K. Kalocsay

## La kvarbova veturilo

Okazis — ne en Peŝt, ĉar tie ne
Okazas io tiel romantika —
Okazis, ke sidigis sin sur ĉar'
La gesinjoroj de grupet' amika.
Sur ĉaro, jes, kaj eĉ sur ĉaro bova:
La jungo estis bovo-paroj du.
Sur la landvojo, kun la veturilo
Tiuj kvar bovoj paŝis lante plu.

La nokto helis. La palvanga lun'
Iradis tra ŝirajoj de nubaro,
Kiel malĝoja damo, kiu pri
La tomb' de l'edzo serĉas en tombaro.
Negoca vent', parfumon aĉetante
De l'herboj, vagis sub la stela blu'.
Sur la landvojo, kun la veturilo
Tiuj kvar bovoj paŝis lante plu.

Ĉe l'societo estis ankaŭ mi,
Kaj ĝuste al Elinjo mi najbaris.
Ceteraj anoj de la kompani'
Interparolis, kantis, ŝercojn faris.
Mi revis, kaj mi diris al Elinjo:
„Ĉu ne elekti stelon por ni du?"
Sur la landvojo, kun la veturilo
Tiuj kvar bovoj paŝis lante plu.

„Ĉu ne elekti stelon por ni du?"
Mi diris al Elinjo enreviĝe,
„Nin al la dolĉo de ĉi tiu hor'
La stelo rekondukos memorriĉe,
Se iam nin disigos la destino."
Kaj stelon ni elektis por ni du.
Sur la landvojo, kun la veturilo
Tiuj kvar bovoj paŝis lante plu.

## La poetoj de la XIX. centjaro

Facilanime sin neniu
Dediĉu al surkorda lud',
Tre gravan taskon sur sin prenas,
Kiu nun tuŝas al liut'.
Se vi kapablas kanti sole
Pri l'propra ĝojo kaj dolor',
Ja vin la mondo ne bezonas,
La sankta lignon metu for.

Ni migras en dezerto, kiel
La judoj laŭ la voj-preskrib'
De l'flamkolono, kiun Dio
Alsendis por la migra trib'.
Nuntempe kiel flamkolonojn
Poetojn donis Dia man',
Ke ili gvidu la popolon
El la dezert' al Kanaan'.

Poetoj, do tra fajro-akvo
Ek por popol', ek por la ver'!
Malben' al ĉiu forjetinta
Standardon de l' popol-liber',
Malben' al ĉiu postrestanta
Pro pigro aŭ pro malkuraĝ',
Ke, dum popolo luktas, ŝvitas,
Li mem ripozu en ombraĵ'.

Estas poetoj falsaj, kiuj
Malice trompas per malver',
Dirante: haltu, ĉar ni staras
Jam sur la promesita ter'.
Mensog', mensog', impertinenta!
Jen milionoj por refut',
Kiuj malsate, malespere
Sin trenas sub la ŝarĝ' de brut'.

---

jen la antaulastan („maschine"), jen la antaŭantaŭlastan silabon („linea"). Krome oni devas scii, unue ke la plurala finaĵo -s kaj la adverba -men ne influas la akcentlokon („famílies", „practicalmen"); due ke la finaĵoj -bil, -ic, -im, -ul, -um neniam ricevas la akcenton („stibula" citita de D-ro Manders estas preseraro de „Occidental die Weltsprache", anst. „stimula"). Fine enestas neregulaj kazoj, en kiuj la akcento estas principe montrita per supersigno (burò, àrbor, supè"). Por montri la oftecon de tiuj lastaj kazoj, D-ro Manders notas, ke en hazarde elektitaj 5 paĝoj li trovis ĝis 74 supersignojn. Vere estas, ke von Wahl deklaris, ke ili estas necesaj nur en la lernolibroj kaj vortaroj: tio, respondas D-ro Manders, ne estas plene ĝusta, ĉar ekzistas homoj, kiuj lernas lingvon nur per legado de tekstoj, kaj por L. I. tio ŝajnas eĉ la plej bona maniero. Oni devas konfesi, ke multaj el tiuj neregulaj akcentoj devas esti nature prononcataj de la kulturitaj homoj, eĉ sen supersigno, sed tio ne estas ĉiam la kazo (ekz-e „ecó, moné").

Ankaŭ ĉe la derivado, sub la unuavida komprenebleco, kaŝiĝas multaj malfaciloj: por atingi regulecon ĉe la internaciaj vortoj, von Wahl elpensis tri regulojn (kiuj, same kiel la Tri Musketeroj, estas efektive kvar):

antaŭ ol almeti al verba radiko la sufiksojn -ion, -or, -ura, -iv kaj -ori, oni devas:

Se preni el abundo-korbo
Ĉiuj egale povos jam,
Se lokon ĉe la rajto-tablo
Ĉiuj egale trovos jam,
Se lumo de spirit' briligos
Ĉiun fenestron de kaban',
Tiam ni povos diri: Haltu,
Jen estas jam la Kanaan'!

Ĝis tiam? halton ni ne konu,
Ni luktu per senĉesa ag', —
Se l' vivo eble pro l'laboro
Nenion donos por pripag',
La mort' okulojn niajn fermos
Per milda kiso, dolĉa rav',
Sur silk-kuseno, per florŝnuro
Sublasos nin al tomba kav'.

## La poezio

Ho sankta poezio, kiel tretas
Kaj humiligas vian gloran dignon
La malsprituloj, ĝuste kiam ili
Klopodas levi vin! Ĉi viaj pastroj,
Ja ne sanktoleitaj, deklaradas
Per laŭta voĉo, ke salon' vi estas,
Salono brila, luksa, grandsinjora,
En kiun sole en ciritaj ŝuoj,
Plej etikete oni rajtas paŝi.
Silentu jam, ho vi, profetoj falsaj,
Silentu, eĉ en unu vort' ne pravaj!
La poezi' ne estas babilejo,
En kiun paraduloj, sarkindaĵoj
De l'societo iras klaĉi vante.
Ĝi estas pli, jes, konstruaĵo, kiu
Por ĉiu ajn malfermas siajn pordojn,
Por ĉiu, deziranta tie preĝi,
Do: katedral', en kiun eblas paŝi
Kampulsandale, kaj eĉ nudpiede.

## Kia hel' sur ĉiel'!

Kia hel'
Sur ĉiel',
Kia verd'
Sur la herb'!
Inter ĉielo blua, verda kampo,
Alaudo laŭta kantas trile,
Ellogis sunon per la kanto,
La sun' rigardas ĝin jubile.

Kia hel'
Sur ĉiel',
Kia verd'
Sur la herb'!
Ĉielo bluas, verdas ter', printempas...
Kaj mi, kompleta idioto,
Jen, rimojn tie ĉi ĉarpentas
En mia streta ĉambro-groto.

## Tibisko

Mi, somere, en vesper' ruĝluma,
Haltis ĉe Tibisko serpentuma,
Kie kuras Tur al ĝia sino:
Infanet' sur bruston de patrino.

La river' kun tia mildo flata
Fluis ĉe la sablobordo glata,
Kvazaŭ timis, ke per puntoj ondaj
Sunradioj estus ekstumblontaj

Sur riverspegulo, ruĝe-brile,
La radioj dancis fe-simile,
Oni kvazaŭ aŭdis paŝo-sonojn
Kaj tintantajn ete-etajn spronojn.

Sub mi flave la tapiŝo ŝlima
Sin etendis ĝis herbej' proksima,
Kie kuŝis larĝaj fojnostrioj,
Kiel en la libro la linioj.

---

*a)* ĉe la radikoj finiĝantaj per -a aŭ -i aldoni -t („ama“ = „amat“),

*b)* ĉe la radikoj finiĝantaj per -ye ŝanĝi -ye en -t („atinye“ = „atint“),

*c)* ĉe la radikoj finiĝantaj per -de aŭ -re, ŝanĝi tiujn literojn en -s („vide“ = „vis“, „curre“ = „curs“);

*d)* ĉe la radikoj finiĝantaj per alia konsonanto plus -e, simple forpreni tiun -e („invente“ = „invent“).[2]

[2]) Lastatempe, oni elpensis alian formon por la „Wahlaj reguloj“, forstrekante la radikojn finiĝantajn per -ye (oni nun diras „atinger“, sed „distinter“ = atingi, distingi', sed oni devis escepti kvin „neregulajn verbojn“.

Tiakondiĉe, li ricevas „regule“ formojn, kiaj „amat-ori, extint-or, vis-ion, curs-iv, invent-ura“ ktp. Sed s-ro Manders rimarkas ĝuste: „Kvankam oni ofte povas dedukti laŭ tiu metodo la infinitivon (ekz.: „destruct-ion“, do: „destruct-er“), oni ofte ankaŭ riskas erari, ĉar oni neniam povas diveni, ĉu la forigo de la sufiksoj -ion ktp. lasas post si primaran aŭ modifotan radikon: „definit-iv“ respondas ne al „definit-er“, sed al „defini-r“, „adhes-ion“ ne al „adhes-er“, sed al „adher-er“ ktp.“.

Jen cetere lia fina juĝo pri Occ-al: „Oni devas konfesi, ke von Wahl plene atingis sian celon: li celis difini derivregulojn, kiuj ebligos ricevi ĉiujn internaciajn vortojn en la formo, kiun donis al

Trans ĝi kuŝis, en majest' senzuma,
La arbar', interne jam malluma.
Sed vespero sur ĝin fajron ŝutis,
Kvazaŭ brulis ĝi kaj sange gutis.

Estis sur la transa bord' rivera
Arbetar' genista kaj avela,
Montris sin tra breĉo de l'branĉreto
Malproksima tur' de vilaĝeto.

Kiel rememor' pri tempoj belaj,
Flosis supre nuboj roze-helaj,
Kaj tre fore, reve, travuale
La Karpatoj min rigardis pale.

Bru'nenia. En silent' solena
Nur kelkfoje fajfis bird' serena.
Malproksima muelil-murmuro
Ne pli laŭtis ol la zum' de kulo.

Venis kontraŭ mi al bordo transa
Kampulin' kun argilkruĉo ansa;
Ŝi la kruĉon trempis, min ekvidis,
Alrigardis, poste forrapidis.

Tie staris mi, senmove, mute,
La piedoj radikiĝis tute.
La anim' vertiĝis de l' plezuro
Pri l' eterna belo de l' Naturo.

Ho Naturo, inde ne glorebla!
Vin konkuri lango estas febla.
Kia grando! Ju pli vi silentas,
Ja vi des pli brile elokventas.

Malfrunokte mi al farm' revenis,
Mi freŝfruktan vespermanĝon prenis,
Kaj babilis longe kun l' amikoj.
Meze flagris fajro el salikoj.

Diris mi: Tibisko kompatinda!
Kial do vi per kondamno blinda
Ĝin insultas? Estas ĉi rivero
La river' plej milda sur la Tero.

Post kelk tagoj el la dorm-trankvilo
Min alarmis danĝer-sonorilo.
„La inundo, la inundo!" — bruis.
Mi rigardis: mar' min ĉirkaŭfluis.

Frenezul' post rompo de kateno:
Jen, Tibisko kuris tra l' Ebeno,
Hurle rompis digon, muĝe bolis,
Tutan mondon ĝi engluti volis.

## Kiam mi ekvidis vin, knabino...

Kiam mi ekvidis vin, knabino,
Sammomente, tuj mi vin ekamis,
Ĉe l' ekvid' mi estis kiel arbo,
Kiu per la fulma frap' ekflamis.

Arb' mi estis, sekiĝinta arbo,
Kies branĉojn vento rompas, rulas.
Nun mi ĝojas, ke mi estis tia,
Ĉar plej bone seka arbo brulas.

## La kokino de patrino

Panj'kokino, kio estas?
Ĉu vi en la ĉambro nestas?
Dio fakte vin favoras,
Via stato ege floras.

Ŝi kuradas, kaj ŝi klukas,
Eĉ la keston ŝi surflugas,
Oni ĉion ĉi toleras,
El la ĉambro ŝin ne pelas.

---

ili la romidaj lingvoj. La rezulto de lia laboro estas homogena kaj harmonia sistemo, kiu estas senpere komprenebla de la intelektuloj, kaj kiu ĉe nura supraja ekkonatiĝo ne malkaŝas sian artefaritecon. Sed la vera demando estas, ĉu la celo de von Wahl estas ĝusta. Kia estas la profito, krei lingvon tuj legeblan nur por la kulturitaj homoj? Se tiajn homojn oni volas atingi, pli facile estas uzi tuj la francan lingvon. La tuta sistemo de Occ-al supozigas fundan konon de almenaŭ unu romida lingvo. Kiu volas esprimi sin en Occ-al, tiu ne povas uzi la prezentatajn afiskojn laŭ sia bontrovo, sed li devas uzi nur tiujn, kiuj kondukas al internacie konata vorto, aŭ al derivaĵo kun romida aspekto. Jespersen diris: „Tie, kie unu sufikso sufiĉas, Occ-al havas multajn: coquett*erie*, alt*ess*, ver*ità*, liber*tà*, long*ore*, malad*ie*. Reguloj ne estas liveritaj, kaj ne povas esti liveritaj, krom la jena: oni eklernu kelkajn naciajn lingvojn, kaj eksciu el ili, kian sufikson oni devas uzi. Kaj eĉ en tiu okazo la lernanto povas heziti, ĉar la F. „longueur" (de kie: „longore") respondas al la I. „lunghezza", kun la sama sufikso, kiu estis difinita por „altess". (Internacia Lingvo, pĝ 97)". Tiu juĝo de Jespersen estas tro severa, ĉar oni povas lerni la uzadon de la afiksoj ankau per la funda studado de Occ-al. Pli vere estas, ke pri individua vortfarado oni apenaŭ povas paroli en Occ-al. Se oni deiras de la hipotezo, ke la L. I. devas pli malpli frue sennecesigi por multaj la

Peli? Ho! Ŝin oni ŝate,
Kiel turton, nutras flate.
Ŝi el grajnoj elektadas,
Reĝo ne pli bone statas.

Panj'kokino, por ĉi ĉio
Estu en vi devkonscio!
Jes, klopodu laŭ la povo:
Al patrin' ne manku ovo! —

Hundo Hirt', orelu bone,
Mi parolas nun admone:
Longe servis vi ĉe-dome,
Ĉiam brave ĉiam home.

Ankaŭ de nun brave vivu,
Kokinsangon ne soifu,
Ŝin amiku en intimo,
Solan riĉon de patrino

## En cent formojn mia am' sin vestas . . .

En cent formojn mia am' sin vestas,
En cent formoj vin ĝi fantazias.
Jen insul' vi estas, kaj ĝi, fluo
Sovaĝega, ĉirkaŭ vi pasias.

Alifoje vin, ho mia dolĉa,
Mi imagas katedralo svelta,
Kies murojn kovras mia amo
Alte, kiel la hedero verda.

Jen vi estas riĉa vojaĝanto,
Kaj la am' atakas vin bandite,
Jen ĝi, kiel pia almozulo,
Petas vin humile kaj hezite.

Jen Karpat' vi estas, kaj mi, nubo,
Vian koron sturmas per la tondroj,
Jen rozuj' vi estas, kaj mi trilas
Najtingale sub la dolĉaj frondoj.

Ŝanĝiĝadas mia am', sed ĉeson
Ne konante vivas kaj abundas.
Ĝi ne malfortiĝas mildiĝante:
Eĉ trankvile, la river' profundas.

## Ribelís muĝe maro

Ribelis muĝe maro,
La maro de l'popol'!
Timiĝas ter', ĉielo
Pro la terura ŝvelo
De ĝia ŝaŭma bol'.

Ĉu ĉi muzik', ĉi danco
Vin frapas per konfuz'?
Jen, la ĝis nun senscia
Nun povas lerni, kia
Estas popol-amuz'.

La mar' skuiĝas, hurlas,
Kaj kun fendita rip',
Kaj kun ŝirita velo,
Senmaste, al infero
Subdronas ŝip' post ŝip'.

Furiozu, ho diluvo,
Furiozu en liber'!
Montru profundajn subojn,
Kaj ĵetu sur la nubojn
La ŝaŭmon de koler'!

Surskribu por eterna
Atesto kaj instru':
Supre la ŝip' situas,
Sube la akvo fluas,
Sed estras ja la flu'!

---

studon de la fremdaj lingvoj — kaj tio estas ankau la opinio de von Wahl — tio signifas, ke en la estonteco tiuj homoj devos eklerni la vortaron de Occ-al kune kun ĉiuj ĝiaj kunmetaĵoj kaj derivaĵoj preskaŭ en la sama maniero, kiel oni nun lernas la derivaĵojn de la franca aŭ de la hispana. Sendube Occ-al restas multe pli facila, ol la naciaj lingvoj, dank' al la relativa reguleco de sia derivado kaj al sia facila gramatiko, sed por tiu, kiu ne havas la apogon de la romidaj lingvoj, ĝia sistemo de vortfarado estas superita de Esp-o kaj Ido pri la facileco, dum pri sia aplikeblo ĝi estas superita eĉ de Volapük.

Oni ne forgesu ankaŭ, ke tiu imitado de la romidaj lingvoj kaj la evitado de ĉio, kio povas fari la impreson de artefariteco, povas esti ŝatata nur de tiuj, kiuj familiariĝis kun la romidaj lingvoj. Se iam devas okazi, ke multaj homoj kontentiĝos lernante nur Occ-al krom sia gepatra lingvo, tiuj homoj, se nur ili ne apartenas al romidlingvaj popoloj, tiros tre malmulte da profito el la fakto, ke la Occ-ala vortfarado senigis sin je ĉiu apriora elemento" (pĝ. 198—9).

Komparante la meritojn de la diversaj L. I. pri la vortfarado, d-ro Manders resumas sian studon per tio, ke „Zamenhof iris plej malproksimen en la uzado kaj alĝustigado de la afiksaro, ke la idistoj eraris, rigardante la internaciecon de la vortaro pli kiel celon, ol kiel rimedon; kaj ke von Wahl limigis sin je la analizo de la ekzistantaj internaciaj kunmetaĵoj, preterlasante la facilan

kreadon de novaj kunmetoj; tia aŭtonomeco en la vortfarado ekzistas en Volapük, en Esp-o kaj en Ido, sed plene mankas en Occ-al kaj parte en Novial... Sume estas nejuste kritiki vortaron, nur ĉar ĝi entenas vortojn aŭ derivaĵojn, kiuj laŭforme ne havas paralelojn en la okcident-eŭropaj lingvoj. La decidiga demando estas, ĉu tiu vortaro havas altan gradon de efikeco kunigita kun facila lernebleco. Se unu skema sistemo, de la tipo de Esp-o, alportas krome gravajn intelektajn profitojn (kaj mi opinias, ke tia estas la okazo), tiam ĉiuj aliaj konsideroj havas akcesoran valoron" (pĝ 216).

*IV. Gramatiko.* Tiu ĉi ĉapitro estas komprenebla la plej ampleksa, kaj la aŭtoro ekzamenas sinsekve ĉiujn punktojn: la artikolo, la substantivo (nombroj, genroj, kazoj), la adjektivo, la adverbo, la pronomoj, la numeraloj, la verbo, la prepozicioj, la konjunkcioj (= subjuncioj) kaj la vortordo.

Mi ne povas sekvi lin en ĉiuj detaloj de lia esploro; mi resume diros, ke li severe kritikas la tutan gramatikon de Esp-o, kiu ne obeas la fundamentan principon de Zamenhof, t. e. la facilan lerneblecon. Sen granda malfacilo, li montras, per la analizo de sia koresponda materialo, ke la simplaj esp-istoj tre ofte pekas kontraŭ la akuzativo, la akordo de la adjektivo, la distingo inter adjektivo kaj abverbo, la ĝusta uzado de la perfektaj participoj ktp. Nur — mirige — la tabelo de la korelativoj trovas favoron ĉe li, pro la eksperimento farita en 1937 en Usono. Ĉar multaj legantoj verŝajne ĝin ne konas, sed havas ja la okazon aŭdi plendojn pri la artefariteco de tiu tabelo, mi tradukos la lokon: „Sub la aŭspicioj de IALA oni organizis jenan eksperimenton: 20 universitataj studentoj, havantaj specialan scion nek de Esp-o nek de Ido, studis la 45 tabelvortojn de Esp-o kaj la respondajn vortojn (neregulajn, sed naturajn) en Ido, dum 90 minutoj en ĉiu kazo. La afero estis aranĝita tiel, ke 10 el ili studis la esp-ajon la 4. de januaro kaj la idaĵon la 5., dum la 10 aliaj studis inverse la idaĵon la 4. kaj la esp-aĵon la 5. de januaro. Poste, la 6. de januaro okazis por la 20 studentoj unu testo, kies rezultoj estis: por la traduko de la vortoj el la L. I. en la anglan lingvon, la meznombro de la ĝustaj respondoj estis 44 pri Esp-o kaj 43 pri Ido; por la inversa traduko el la angla en la L. I.-an, la meznombro de la ĝustaj respondoj estis 32 pri Esp-o kaj 15,5 pri Ido. Kaj la raporto konkludas: „La Esp-a sistemo de korelativoj estis kritikata kiel artefarita, trosistema kaj malfacila; nia propra ekzameno kaj personaj spertoj inklinigis nin al la sama kritiko, sed niaj pli vastaj eksperimentoj instruis nin pridubi ĝian validecon" (Language Learning, a Report to IALA, Colombia University, New York, 1933)."

Kelkajn el la gramatikaj malfaciloj de Esp-o Ido jam malaperigis (laŭvola akuzativo, neakordo de la adjektivo), aliajn li kontraŭe pligravigis (tri infinitivoj en -ar, -ir, -or; sintezaj verbaj formoj en -ab-, -es'; ktp). Male Occ-al kaj Novial ilin tute malaperigis, je la plena aprobo de D-ro Manders. Eĉ Novial — almenaŭ en sia primitiva formo — iris pli malproksimen ol Occ-al, ĉar ĝi konas nur unu verban formon kaj aldonas al ĝi diversajn partiklojn por formi la tempojn kaj modojn („me ha ama, me sal ama, me bli ama" = amis, amos, estas amata), dum Occ-al ankoraŭ distingas formojn kunmetitajn kun la infinitivo („yo va amar" = mi amos) kaj aliajn kun la participo („yo hat amat, yo es amat" = mi amis, estas amata). Sed Novial siaflanke distingas ankoraŭ du pasivojn (stata kaj iĝa), kio ne ekzistas en Occ-al.

*V. Konkludoj.* „Ĉiuj ĉi tie pritraktitaj lingvoj estas uzeblaj. Tiu juĝo apogas sin ne sur la teorio, sed sur la praktiko. Volapük, Esp-o kaj Ido estis parolataj de miloj da homoj, apartenantaj al ĉiaj sociaj klasoj kaj al ĉiaj nacioj. Occ-al nun akiras ne malmulte da adeptoj (precipe intelektulajn) kaj ŝajnas esti venkinta Idon. Male Novial restas ankoraŭ ĉe eksperimenta stadio... Kvankam

## Dometoj svarmas en dana land'

Edv. Södenberg

Dometoj svarmas en dana land',
mil-mil, najbar' ĉe najbar',
kun ruĝaj brikoj kaj forna fum'
de dana tagmanĝ-prepar'.
Mil-mil ĝardenoj dividas sin
en bedojn kun flor' ĉe flor' —
preĝejaj turoj malantaŭ montet'
kaj veloj plej etaj sur fjord'.

Vojetoj pulsas en dană land'
renkonte al ĉefvoja gaj'.
Alaŭdoj trilas kun turdoj, dum
kukoloj krias en maj'.
Susuras verdaj arbaroj en
la lumo klarega de l'sun' —
ĝi brilas sur silka vestaĵo kaj
sur plej eluzita katun'.

Dometoj svarmas en dana land',
mil-mil, najbar' ĉe najbar',
kun ruĝaj brikoj kaj forna fum'
de dana tagmanĝ-prepar'.
Ho, karaj al mi ĉi domoj kaj
ĝardenoj kun flor' kaj brasik',
arbaroj verdaj ĉe fjorda blu',
kaj suno, de ĉiuj amik'.

Mi amas mil-mil hometojn en
laboro ĉe dana la bord',
kabanojn povrajn ĉe la vojet'
kaj fiŝboatojn en fjord' —
mil laborulojn en daŭra lukt',
nur venka post perdoj kaj pen' —
Ho, ve al ĉiu celanta vin
remeti en sklava katen'!

Melodio: *Oluf Ring.* El la dana: *Poul Thorsen.*

Occ-al kaj Novial ne povis ĝis nun pruvi, ke ili estas uzeblaj por grandaj amasoj da ne-intelektuloj kaj por homoj, kies gepatra lingvo estas tre diferenca de la romidaj, tamen ni povas supozi, per analogio kun Esp-o kaj Ido, ke tiuj du lingvoj estas taŭgaj ankaŭ por ĝenerala uzado. Tio tamen nesignifas, ke oni devas rigardi ĉiun el la pritraktitaj lingvoj en la sama maniero. . ."

La aŭtoro poste resumas la ĉefajn karakterizilojn de la kvin lingvoj. Lia juĝo pri Esp-o kontraŭmetas la vortfaradon al la gramatiko. La unua, kun la senlima uzebleco de la afiksoj, estas preskaŭ perfekta. La sola eraro de Zamenhof estis ne elekti simplajn vortojn por kelkaj tre ofte uzataj kaj simplaj nocioj, kiaj: maljuna, malgranda, malfermi, malpli, malsupra ktp. Cetere Zamenhof mem ofte enkondukis neologismojn anstataŭ kunmetitaj vortoj: li do sentis mem, ke troa limigo de la vorttrezoro ne estas ĉiam gajno. Kiam temas pri tre ofte rekontataj vortoj, la malavantaĝo de kunmetita formo superas la avantaĝon de radikŝparo; tio estas sentebla precipe ĉe la pluformado (malgrandigi, malfermiĝo, patrineco ktp.).

Male „la malforta punkto de Esp-o estas ĝia gramatiko. Zamenhof ja pretendis, ke liajn 16 regulojn oni povas lerni en duonhoro: sed kiom gravas tiu eblo, se tiujn regulojn oni sukcesas apliki senerare nur post longa praktikado? La deviga akuzativo, la akordiĝo de la adjektivo, la distingo inter adverbo kaj adjektivo, la refleksa poseda pronomo, la kunmetitaj tempoj, ĉio tio postulas tiom da pripenso, kiom da rutino. Aldonu al tio la subtilaĵojn de la akuzativo de direkto, de la objekta predikativo, de la adverba formo de la predikativo en sensubjektaj frazoj ktp. — jen kion oni ne povas lerni en duonhoro! Estas vere, ke oni ne povas fari gramatikon, kiu estus oportuna por ĉiuj popoloj kaj ĉiuj individuoj. Vere ankaŭ estas, ke ekzistas limoj al la serĉo de plej granda simpleco. La L. I. devas posedi altan gradon de uzebleco — kaj tiun nekontesteble atingis Esp-o. La eraro estas pliĝuste, ke por tio oni ne uzis la plej simplajn rimedojn, kaj tiu eraro estas grava ĉe artefarita lingvo, kiu celas ĝeneralan uzadon" (pĝ 345).

Al Occ-al D-ro Manders riproĉas precipe la tro limigitan celon, kiun difinis al ĝi ĝia kreinto. Von Wahl destinis ĝin nur por tiuj, kiuj efektive jam okupas sin pri internaciaj rilatoj, t. e. nur por tiuj, kiuj jam faris altajn studojn kaj konas almenaŭ unu romidan lingvon. Tiu opinio estas funda eraro. Tiuj kulturitaj homoj estas ĝuste tiuj, kiuj malplej bezonas ilon por internaciaj rilatoj ĉar ili jam posedas por tio la lernitajn naciajn lingvojn. La ekzemplo de Esp-o montras, ke artefarita lingvo disvastiĝas precipe inter homoj, kiuj havas preskaŭ nenian scion pri fremdaj lingvoj, kaj kiuj ĝuste uzas Esp-on por orienti sin sur la tereno de la internaciaj rilatoj. Krome ne estas ĝusta opinio, ke la L. I. disvastiĝos nur en la landoj anglalingvaj kaj romidlingvaj, pri kiuj precipe interesiĝas la internacia trafiko: eĉ se ne paroli pri la granda disvastiĝo de Esp-o en la iama Rusio, en la antaŭhitlera Germanio, oni scias, ke ĝi trovis la plej favoran grundon en la malgrandaj nacioj de la centra aŭ orienta Eŭropo, kaj, ekster Europo, en la malproksima Nipono. Oni cetere povas rimarki, ke, se Esp-o pro sia strukturo mallogas la intelektulojn, Ido, kiu ekzistas nun jam de 40 jaroj, estas pli laŭdata ol lernata de tiuj samaj intelektuloj, kiuj favoris ĝian naskiĝon, kaj ke Occ-al en siaj 25 jaroj da ekzisto estas almenaŭ liverinta la pruvon, ke la intelektuloj ne sentas urĝan bezonon de L. I. Dua malavantaĝo de tiu lingvo estas ĝia vortfarado: von Wahl rigardis, kiel plej grandan superecon de Occ-al, ke ĝi entenas nenian aprioran elementon. Ĝiaj afiskoj estas elektitaj malpli por konstrui memstarajn kunmetaĵojn, ol por rekonstrui la jam ekzistantajn internaciajn vortojn de romida deveno. Oni povas admiri, ke li reduktis la vortfaradon de la romidaj lingvoj en tiel relative simplajn regulojn. Sed, kiel ajn inĝenia estas tia sistemo, ĝi havas malgrandan praktikan valoron. Dum en Esp-o aŭ Ido oni povas kombini la lingvajn elementojn libere, tio estas neebla en Occ-al. Ĉiu kunmetaĵo, kiu ne respondas al formo uzata en la romidaj lingvoj, estas tie malpermesata. Se oni zorgas nur pri la propra signifo de la afiksoj kaj radikoj, oni neeviteble estas alkondukata al kreado de vortoj kiaj „militariatu, affabilerie, esperore, povrificar, capitalario, liberie, mortantie, commensation" ktp.; kiuj, kvankam teorie korektaj, estas tamen eraraj, ĉar la tradicio de la romidaj lingvoj trudas la uzon de aliaj samsignifaj afiksoj („militarism, affabilità, esperantie, apovrir, capitalist, libertà, mortalità, commensament" ktp.). Tiu, kiu ne konas romidan lingvon, devas do lerni ĉiujn tiujn kunmetojn kiel simplajn vortojn. Vere estas aliflanke, ke tiu, kiu konas romidan lingvon, povas unuavide legi occ-alan tekston — kion oni ne povus diri pri Esp-o aŭ Ido.

Ankaŭ la gramatiko de Occ-al estas pruntita en tutaĵo de la okcidentaj lingvoj. Von Wahl ĉi tie montris tre bonan komprenon de la problemo. Neniu el la aliaj artefaritaj lingvoj povas fieri pri tiel simpla kaj celtaŭga gramatiko, kiel Occ-al. Same pri la ortografio kaj prononco, Occ-al sekvas la kutimojn de la okcidentaj lingvoj.

Ĉio tio estas aprobinda, se oni difinas la L. I. nur por tiuj, kiuj jam posedas vastan lingvoscienccon. Sed male, la L. I. devas antaŭ ĉio koncerni tiujn, kiuj scias nur sian gepatran lingvon, kaj por tiuj nek la etimologia ortografio, nek la romida derivsistemo havas valoron, sed ili trovas ja pli da pofito en fonetika ortografio kaj en aŭtonoma sistemo de vortfarado." Pĝ 349—352.)

La lasta ĉapitro estas dediĉita al la „Lingvistiko kaj la artlingvoj", interalie al la entrepreno de IALA. Ĝi rakontas pri la sinteno de la ĉefaj lingvistoj rilate al la ideo de L. I., kaj montras, kiel, komence tre malŝatantaj kaj nekredemaj, ili finfine ekvolis partopreni mem en kreado de L. I. El tiu ĉapitro mi tradukos nur unu tre interesan paĝon de Jespersen, kiu mem patroprenis en la konstruo de du projektoj de L. I.: „Ne estas ĉi tie la loko diskuti, li diris en la 2a Internacia Kongreso de la Lingvistoj, pri la meritoj aŭ la malmeritoj de la diversaj proponitaj L. I.-aj, Esp-o, Ido ktp. La elekto inter ili ne povas esti

# Li revenis hejmen

Rudolf Kresal

Muta kiel enfosita, rigide observanta, li staras antaŭ la brulrestaĵoj de duonligna domo sur deklivo, super la taga ŝakto. Same li staris ankaŭ antaŭ multaj jaroj, kiam la domo estis ankoraŭ sendifekta, same en tiu tago, kiam li ekvojaĝis fremdlanden, serĉi la panon. Tiam li havis ankoraŭ dudektri jarojn. Li finis la militservon, revenis hejmen, sed laboron li ne trovis. Iu flustris al li en la orelon: Vestfalio — Nederlando — Belgio — Francio. Tie oni trovas laboron, tie oni ŝatas slovenojn. Ili estas humilaj kaj diligentaj. Ili laboregas kiel nigra brutaro, vere, sed ili ankaŭ perlaboras. Ĉu ili vivas? Ho, karulo, ili tute bone vivas!

Tiel, senmove rigardante la brulrestaĵojn li priaŭskultas tiun pasintan rememoron. Jes, ili estas humilaj kaj diligentaj — slovenoj! Ili laboregas kiel brutaro, vere! Vestfalio, Holando, Belgio, Francio! — al France ektremas ambaŭ manoj. Li estis humila, diligenta, li estis bruto. Kaj li perlaboris! Ho, jes perlaboris!

Al France ekgrincas la dentoj! La malamika fremdulo, por kiu li estis jarojn kaj jarojn fosinta, bruligis al li la hejmon. La malamika fremdulo, por kiu li estis jarojn kaj jarojn ŝvitinta, por ke li vivnutru sin kaj la patrinon, mortigis al li la patrinon. — Ŝi cindriĝis en la bruligita domo.

La forta staturo de France kliniĝas antaŭen, kvazaŭ ĝi volus ataki nevideblan monstron. Poste lia korpo malrapide rektiĝas, la okuloj ekbrilas, la kapon li klinas surbrusten, la haroj, jam sufiĉe grizaj, falas surfrunten.

Li havas nun kvardekdu jarojn. Deknaŭ li travivis en fremdlando. En francaj, belgaj, kaj laste en germanaj ŝaktoj li estis. Lia vizaĝo, kies koloro estas grizkolora de karberoj, esprimas ne rompeblan forton. Kaj tamen en tiu vizaĝo kuŝas ia neeldirebla mildo, el la okuloj brilas la flamo de amo. Lia rigardo flugas trans la brulrestaĵojn en malproksimon. Lia frunto malkovras pezan penson: kiel estis tiun nokton, kiam la faŝistaj bestoj atakis lian hejmon, bruligis ĝin . . . Kiel devis tiam bruli la koro de la partizana, minista patrino?

Jes, kia ŝi estis? Li vidas ŝin, kiel frumatene ŝi ellitiĝadas nedorminta, malforta, tremanta de frosto. En la kuirejo malantaŭe ekknaras la manĝilaro. La fratoj vekiĝadas. Je la sesa en la ŝakto! Miha, Jure kaj Pavle. Ili ellitiĝas. Mallaŭte, subite. La horloĝo batas kvin.

Ĉiuj estis en nigra pantalono kaj en nigra jako . . . Rapide ili eltrinkas la kafon. Sur la ŝultrojn ili jetas la jakon kaj foriras.

Feliĉon! Feliĉon!

En oriento ondis la matenruĝo.

France tiam adiaŭis pro militservo kaj ankoraŭ nun li scias, kiel ili, la fratoj, formarŝis en la ŝakton, ĉiam anserorde, kun ladaj ujoj en la manoj. — Neniu parolis. Mallaŭte ili fiksrigardis antaŭ sin. La patrino staris sur la sojlo kaj ne movis sin antaŭ ol ili malaperis malantaŭ la angulo.

La horloĝo forbatis la sesan. Al la patrino la vizaĝtrajtoj mallongiĝis. Nun, nun ili jam estas sube! ŝi pripensis. Kaj nun ili svingas la pioĉon, enpuŝas la fosilon, ilin traskuas la boriloj, ili detruas nigrajn murojn, enfosas, enboras, disrompas, evitadas falantajn rokojn, forjetadas, enboras sin antaŭen, paŝo post paŝo, kurbigitaj, rampante, rigide rigardantaj tra polvo en neaŭdebla tumulto de kompresoroj, interkrioj kaj blasfemoj. La

senprepare decidita per okaza trarigardo de lernolibroj aŭ specimenoj: ili estas, tiurilate, similaj al homaj estoj, kies kelkaj plej ŝatindaj kvalitoj estas malkovrataj nur post pluraj jaroj da intimeco. La demando postulas daŭrajn seriozajn esplorojn, kaj ilin mi konsilas al ĉiu el vi. Mi povas certigi vin, el mia propra sperto, ke kun la tempo tia esplorado estas profitodona. Mi ne estus estinta kapabla fari la malmulton, kiun mi faris en la kampo de la ĝenerala lingvistiko, kaj eĉ en tiu de la angla sintakso, sen mia profunda studo de la L. I.-aj" (Aktoj de la Kongreso . . . Paris, 1933, pĝ 101).

Jen do, en siaj ĉefaj trajtoj, la tezo de D-ro Manders. Kompreneble, multajn sagacajn rimarkojn mi devis preterlasi, sed mi penis kiel eble plej fidele resumi lian verkon, kies senpartiecon kaj objektivecon oni povas nek pridubi, nek tro laŭdi. Kaj nun mi permesos al mi esprimi pri kelkaj punktoj mian personan opinion kaj kuraĝe elmeti kelkajn kritikojn. *(Fino sekvos.)*

KAREL HYNEK MÁCHA:

# MAJO

**Fragmento el la dua kanto.**
*(Karcera sceno.)*

Ĉe ŝtona tablo li rigidas,
per manoj la kapon apogas,
duongenuas, duonsidas
kaj al si en pens' monologas.
La nuboj sub lundisko migras,
la nuboj en animo nigras
kaj penso penson forlogas...

„Profunda nokt', kiu nun regas,
vilaĝon mian nigre tegas,
kaj tiu pro mi tristas...
Ĉu tristas? Pro mi? Absolute
mi por ĝi ne ekzistas!
Post kiam nova tag' akute
tra la arbar' rapidos,
mi fie mortos ekzekute — —
Kaj ĝi al hela Sun' salute
— kiel dum mia bapto —
ridos..."
Kaj lia voĉ' formortis tute...
En ĉelo, kiun volbo kronas,
ankoraŭ tarda eĥ' resonas
ĝis eĉ la eĥ' ekdormas mute
konsterniĝinte de hororo
en la malluma koridoro.

La nokto kaj silent' subita
pensigas pri pasintaj tagoj:
Kaj al la viro arestita
junec' vekiĝas en imagoj.
En pensoj pri la aĝ' infana
junsonĝ' revivas multeplana...
Elfluis larmoj en torentoj
kaj dronas kor' en sentimentoj —
Pri fora mond' sopiro vana!

Trans lago jen montara denso
al okcidento kontinuas...

Tie li — en vizia penso —
la lastan knaban ludon ĝuas.
Patro lin pelas en la mondon;
li ĉe rabistoj kreskas aĝa,
ja eĉ ilian gvidas rondon,
famante kiel plej kuraĝa.
Kaj ĉiu konas lin laŭ jeno:
„Terura Arbar-Suvereno!"
Sed fine am' al velka roz'
lin kontraŭ delogint' instigis.
Li venĝis ŝin, sed sen supoz'
la propran patron li mortigis.
Tial li falis en katenon,
kaj ekzekuta rado rompos
Teruran Arbar-Suverenon
kiam sur montoj tag' ekpompos.

Nun ĉe ŝtontablo li rigidas,
per manoj la kapon apogas,
duongenuas, duonsidas
kaj al si en pens' monologas.
La nuboj sub lundisko migras,
la nuboj en animo nigras
kaj penso penson forlogas...
„Patro — rival'! Lin murdis fil',
pro ke ŝi al li sin donis!
Duoble venĝis la murdil',
dum mi murdaton ne konis...
Kial li min per la ekzil'
faris arbar-teruro?
Pro kies kulp' post tag-ekbril'
min punos homa juro?
Pro kies kulpo ŝarĝas min
la peko sur animo?
Pro mia, ne! Sed ĉu Destin'
*min* logis al viv-halucin'
por puni *lin* pro krimo?
Do kial — neaginte mem —
al tempa eĉ daŭra anatem'
nun falas mi viktimo?

Tempa kaj daŭra? Daŭra —
tem..."
la vorton rompis tira ĝem'
kaj de la mur' resonis.
Ree silento kaj malhel'
ekregis en la ŝtona ĉel'...
En nova sonĝ' li dronis:

„Kaj ŝi? Kaj ŝi — mia idol' —
kial tro frue kulpis
min nekoninte antaŭ ol
ŝin mia patro uzurpis?
Mia malben'!" — La vorton
baris
granda ĉagreno. Li ekstaris.
Tra nokto ĉen' tintegas.
Li streĉas tra la apertur'
la vidon al la lag-murmur':
La Lunan diskon nubo tegas.
Sed ĉirkaŭ ĝiaj randoj ombraj
aperas steloj multenombraj.
Rigardas nun la arestit',
kiel sur onda lagnivelo
fajre splitiĝas stela helo —
kaj ĉagreniĝas la spirit'.

„Oj, bela nokt', oj ,bela mond'!
Ombro kaj lum' alternas...
Sed mia vido por estont'
sin morgaŭ morta fermas!
Samkiel al ĉiel' zenita
sin tiu nubo grize sternas,
tiel..." La viro arestita
okulojn fermas kolapsinte.
Nur la katenoj sonas tinte,
poste ekregas mut' subita.
Sterniĝas nub' de mont' al mont':
longa flugil' de bird' giganta.
Ĝis la ekstrema horizont'
malhelas nokto progresanta.

---

duone nudaj, de ŝvito malsekaj korpoj fantome moviĝadas. Malhelaj ŝaktaj lampoj ĵetas sur ilin sian malpuran flavan lumon. Post ili ĝemadas, sonadas interpuŝiĝadas la veturiletoj. Kaj la homoj tiras sin antaŭen, rampas, dishakas la nigran rokon senhalte.

La patrino staras sursojle kaj ne movas sin. Senpense, kun perdita vido ŝi fiksrigardas antaŭ sin. Preter ŝin moviĝadas junuloj kaj viroj. Ĉiuj salutas: bonan matenon, patrino!

Ŝi per laca rideto resalutadas: Feliĉon! feliĉon!

Tiel ŝi staris ĉiumatene sur la sojlo, vintre kaj somere, en suno, dum pluvo kaj neĝo.

France rigardas en la brulrestaĵojn, sub kiuj troviĝas la polvo de tiu ora koro. Kiam li revenis de militservo, ŝi sajnis al li pli malalta kaj pli maldika. Ŝia vizaĝo estis displugita de sulkoj kaj la okuloj perdiĝis en profundaj kavoj. Post iom da tempo li demandis ŝin, kiel statas Jure kaj Miha. La patrino rigardis lin, klininte la kapon kaj mallaŭte flustrante:

— En karcero li estas.

— Tiel! Kial?

— Ho, ion ili diris. Eble, ke diablo prenu

Jen aŭdu: Trans la monta bar'
eksonas korn-ario.
Aŭskultas ombroj de l' arbar'
ĉe l' dolĉa melodio.
La nokton tenas sonĝa dorm',
tiel la ton' impresas...
Li ĉe la gamoj de la korn'
doloron reforgesas:
„Kiel la son' en nokta hor'
mildigas regionon! — —
Sed unu tago pasos for,
kaj por mi ĉesos la sonor',
mi ne plu aŭdos tonon..."
La vir' refalas. Tra karcer'
tintegas ĉen' sonore.
Rea silento. Korsufer'
turmentas lin dolore.
La melodio el ekster'
formortas milde, plore...

„Estonta temp', morgaŭa tag'...
Ĉu pluo estas sonĝ-imag',
aŭ mi sensonĝe dormos?
Ĉu estas ankaŭ sonĝo nur
la nuna viv', kiun futur'
je nova sonĝ' transformos?
Aŭ: kion vane serĉis mi
sur vasta tero tie ĉi,
mi morgaŭ jam eksciu?
Ĉu iu scias? Ve, neniu!..."
Li ree paŭzis. Kaj trankvil'
la teron reposedas.

La hela Lun', la stela bril'
al la mallumo cedas.
Kaj ĉion tegas noktvual'.
La tuta vaste vasta val'
kiel tomb-kav' oscedas.
Ekdormis vent' kaj onda bru'.
Ankaŭ la korn' ne sonas plu
kaj en la spac' de l' karcerĉelo
ekregis muto kaj malhelo.

„Ve, nigre nigra noktprofund'...
Sed mi pli nigran celas —
Ho penso, for!" La sent-abund'
la penson for repelas.

Silento. Nur malseka ros'
de l' muroj gutas, gutas —
Kaj la susur' de l' akvo-bru'
obtuze sonas sen ripoz':
Mezuras nokton guto-flu —
Sonas — mutas; sonas kaj
mutas;
sonas — mutas... kaj plu kaj
plu.

„Ve, longa, longa noktobskur'...
Sed mi pli longan celas —
Ho penso, for!" Kaj la terur'
la penson for repelas.
Obskura muto. Nur la gutoj
mezuras kuron de minutoj.
„Pli nokta nokt'! — Al ĉi obskur'
jen Luna bril', jen stela ŝajn'
penetras... *Tien* Lumo-spur'
neniam venas kia ajn,
*tie* nur nokto domas.
*Tie* nek tut' disigas sin,
minutoj mankas, mankas fin',
ne ĉesas nokt', ne venas tag',
nek temp' forpason' konas.
Sen cel-difin', sen cel-difin',
senfina spac', senlima vak'...
Eterno min fantomas!
Ĉirkaŭas min malpleno nur,
super la kapo, sub la krur'
malplen' min ĉirkaŭdonas.
Senfinas muto, mankas vok',
senlimas nokto, tempo, lok' —
Ve, agonia halucin'!
Tion ni NULO nomas...
Kaj morgaŭ antaŭ tagofin'
tiu Nenio glutos min —"
La vir' kaj voĉ' svendronas.

Kaj ondoj sur la lagspegulo
sin kareslude intertuŝas
kaj flustras en dolĉkanta lulo
lulkanton al la karcerulo,
kiu en pezaj svenoj kuŝas.

El la ĉeĥa: **T. Pumpr.**

* Karel Hynek *Mácha* (legu Hinek Maĥa) estis juna ĉeĥa poeto, tragike mortinta antaŭ 111 jaroj (1810—1836). Li estis influita de la romantismo de Byron, sed li ne estis epigono. Li profunde trasentis la filozofion de doloro kaj pereo, kontrastigante al ili la belon de amo kaj vivo en la ĉirkaubrako de la Naturo. Lia poemo *Majo* fariĝis fundamenta ŝtono de la moderna ĉeha poezio. Li trovis novan, sonorantan lingvon, plenan de sonharmonio kaj versa muziko, kun nekutimaj bildoj kaj metaforoj. La simpla romana konflikto de la Majo pri rabisto Vilemo, kiu murdante la deloginton de sia amatino, mortigis sian nekonatan patron kaj estis pro tio ekzekutita per rado, dum lia amatino sin dronigis, estas nur preteksto, ke Mácha povu per sia melodia lingvo eldiri la dolorojn de sia animo, kiun turmentis la pensoj pri vanteco de ĉio, la ĉagreno de perfidita amo, la sopiro pri la forpasinta juneco kaj duboj pri la postmorta vivo. Tiu ĉi prema atmosfero plenigas precipe la ĉi tie represitan karcerscenon de la dua kanto.

La unua kanto de ĉi tiu poemo jam aperis en la revuo Esperantista (Praha), j. 1947, Nr. 4.

La verko ekzistas jam en ok europaj lingvoj; la esperanta traduko estas la naŭa *(T. Pumpr).*

la minejon kaj tian ŝtaton, kiu ne havas panon por ĉiu. La panon! — ŝi post mallonga paŭzo kvazaŭ akcentis. Ŝi eksidis kaj kovris al ŝi ambaŭmane la vizaĝon.

— Kaj Pavle?

— He, Pavle. Lin oni forpelis el la ŝakto. Nun li la tutan tagon vagadas kaj kraĉadas post la ĝendarmoj. Ankaŭ lin oni enkarcerigos.

— Ili enkarcerigos, — nevole li jesis, fiksrigardante tra la fenestro, kaj kuntiris la lipojn, demandante:

— Kiel statas pri la laboro en la minejo?

— Oni ĝin ĉesigas.

— Tiel. Oni ĉesigas ĝin. Tio signifas multe. La minejo estas parte germana, parte franca, hm, tio multe signifas.

— Mi ne scias. Mi scias nur, ke mi nenion havas por meti en la poton. Ĉu vi malsatas?

— Ne, dankon.

Li etendis la manon en la dorsosakon kaj sur la tablon metis soldatan panbulon kaj iom da lardo. En la mallarĝa ĉambro ekregis surda silento. Patrino kaj filo nenion parolis. France ekiris al la vilaĝfoiro kap renkontis tie inter la amaso da senlaboraj ministoj

Pavlen, kiu ĵus kraĉis post ĝendarmo kaj siblis:

— Vidu, ke ankaŭ mi estas homo! Besto ne scias tiel kraĉi sur fibeston!

Silente ili etendis al si la manojn. Pavle ekskuis siajn ŝultrojn kaj forviŝis al si la lipojn.

—Tiel mi ne povas plu. Mi hontas pri la homo!

— Jes — enpensiĝinte respondis France. — Ion ni devas entrepreni. La mondo estas ja granda.

Tagoj pasis. France vane premadis la ansojn. Ĉie oni ĵetis lin surstraten, la elservitan soldaton, la fraton de rezistemuloj. Pli kaj pli bruadis en lia kapo: Germanio — Nederlando — Belgio — Francio! — Kien?

Li vokis Pavlen. Ili iris sur la monton kaj decidis. Post unu semajno ĉiu prenis sian kofron kaj ili adiaŭis al la patrino.

— Ni foriras — diris Pavle. — Belgion, Germanion, eble Francion.

— Ien ni jam venos, — helpis al li France kaj li paŝetis, kvazaŭ brulus sub liaj piedoj. Tiam li lastfoje vidis la patrinan vizaĝon. Ŝiaj lipoj tremetis, la okuloj, tiuj helaj, tiuj bonaj okuloj ne povis plu larmi.

*

En malproksimo bruas la minejo. Ĝi bruas kiel sonoranta voĉo de flueganta rivero. La tago vesperiĝas. Sur la brulrestaĵojn falas la lastaj sunradioj, sur la tombon de la patrino, sur la tombon de Miha kaj Jure. Tiun nokton, kiam la flamoj eksvingiĝis el la domo, ili kune kun la kamaradoj, falis antaŭ la domo. Neniu plu postrestis.

Al France skuiĝas la korpo. El lia brusto eliĝas io simila al ĝemo.

Ankaŭ Pavle ne vivas plu. En belga ŝakto englutis lin viva sablo.

Nenio plu estas. Nur tiu nuda cindrejo, nur tiuj tomboj ankoraŭ restis.

Tiam en la okuloj de France reziste ekfulmas. Liaj manoj konvulsie premiĝas en pugnon. Sed nur por momento. La fingroj iom post iom disiĝas, la dekstra mano leviĝas al la sulkigita frunto, la tuta manplato kovras ĝin. Kaj kiel se en rezista anko io moliĝas, France kapjesas, denove kapjesas kaj flustras:

— Ankoraŭ estas ĉio!

Kaj kiel konfirmo tiumomenta resonas de ie gaja, petolema infana rido. Tiel iam ankaŭ li ridis, li, France. Tiel ridis Miha, Jure kaj Pavle. Tiel devis ridi ankaŭ la patrino kaj la patro, al kiu ĉesis bati la koro en la ŝakto. Jes, ankoraŭ estas ĉio!

*

La minoj estas subakvigitaj, en iuj uraganas incendio, iuj estas surŝutitaj. La malamiko ĝisfunde plenumis sian planon. Sed la minejo restis, ruinigita, kiel estas ruinigita, bruligita la hejmo de France. Sed tamen estas ankoraŭ ĉio tie ĉi! Ankoraŭ ĉio estas!

Tiel kantas en la brusto de France. Malseka ĝis haŭto, brulvundita je vizaĝo kaj manoj, kota, ke oni ne povas lin rekoni, li batalos kun akvo, kun fajro kaj eĉ kun la vangoj inter la trupoj de kamaradoj. Kaj fine ili elbatalis ankaŭ tiun batalon. La fajro en la ŝaktoj estas estingita, la akvo el ili elpumpita, la surŝutitaj ŝaktoj — denove liberaj.

France enboris sin teren. La borilo en liaj manoj kantas admirindan kanton, la kamaradoj ĝin aŭskultas. Tio estas France, ili flustras. Kaj al France ŝajnas, ke la borilo senĉese ripetadas: Ankoraŭ estas ĉio! — Kaj la nigra ŝtono rompiĝas, bruas, dispeciĝas. Kaj la borilo de France eĉ por momento ne ĉesas brui, la ŝoveliloj kaj pioĉoj ĉirkaŭ li eĉ por momento ne eksilentas. Tio estas la sturmula brigado de France. Neniu povas ĝin superi. Estas ja ankoraŭ ĉio! ripetadas France. Nur elfosi oni devas!

De tempo al tempo, kiam lin neniu vidas, li kunpremas la lipojn, kvazaŭ li rezignus je doloro. Tiam li spirite vidas la brulrestaĵojn, vidas la gigantan batalon de la fratoj en tiu nokto, kiam la flamoj ekkaptis la domon kaj en ĝi ekbrulis la koro de la patrino.

*

Io lin plene ekokupis. Neniun li lasas apuden. El brulruinaĵo jam ne restas multo videbla. Post kelkaj tagoj malaperas la lasta postsigno de incendio kaj sango. La loko kie antaŭe elstaris la bruligitaj traboj, nun jam estas elglatigita.

France fosas dum longaj vesperoj ĝis en mallumaj noktoj. Kion li intencas?

— Ho, nenion. Nur fundamenton mi starigas, — li respondas.

# VERMIĈELOJ POR DU

*Giuseppe Marotta*

Hejme, la nutrajoj ne mankis. La problemo estis ja la kuirado; sed Adalberto certigis, ke li, per malgranda kvanto da oleo kaj tomata konservajo, sin sentas kapabla prepari bonegan saŭcon.

— Cetere — li diris, — tie estas kesto da vermiĉeloj. Ĉu vi opinias, ke estas malfacile kuiri du porciojn por ni?

Mi estas homo fidema, kun animo plena de „jes".

Ni elektis poton, kaj Adalberto diris:

— Kiom da akvo?

— Multe — mi diris. — Mi ofte aŭdis, ke la vermiĉelojn oni devas kuiri en multe da akvo. Tion diras ankaŭ Arkimedo: „Korpo enmetita en fluidajon . . ."

— Ne diru stultajojn — diris li — kaj ne distru min, ĉar, atendante ke la akvo ekbolu, mi preparos la saŭcon kaj bezonas mian tutan atenton.

Li trovis skatolon de tomata konservajo kaj ĝin malfermis. Li uzis por tio la pinton de tranĉilo; kaj poste diris, ke da konservajo al li sufiĉas duono da skatolo, kiom ĉirkaŭe restis en ĝi: la parto disverŝita sur mian jakon estas superflua. Li prenis paton, ĝin lavis, enversis iom da oleo kaj ĝin metis sur la fajrujon. Mi lin atente rigardadis kaj povas priskribi ĉiun detalon. Jen kio okazis: Adalberto ekbruligis la gason kaj surprenis mienon trankvile fideman. Kelkaj minutoj pasis, poste oni aŭdis strangan siblon, mallaŭtan ĉirpadon: ion, kio memorigis pri brulanta meĉo; fine, serion de eksplodoj. Samtempe Adalberto eligis kriegon, almetis la manojn al la vizaĝo kaj eksaltis en impresa maniero.

— Kion vi faras? — mi diris, plaĉe surprizita. — Ĉu eble por la sukceso de tiu saŭco necesas favorigaj dancoj?

Sed, senkonscie, mi proksimiĝis per du-tri paŝoj al la fajrujo; mi aŭdis pli fortan eks-

---

— Fundamenton? — oni lin demandas.

— Jes, fundamenton. Se vi havas fundamenton, vi scias kien kaj kiel konstrui la domon.

— Domon? Ĉu vi intencas ĝin konstrui sola?

— Sola!

*

France starigis la fundamenton. Ankoraŭ li lasas neniun apuden. Lia estas la fosaĵo kaj tiu terpeco, kie ripozas la cindrigitaj ostoj de la patrino kaj la rompitaj ostoj de la fratoj. Sur tiun lokon neniu rajtas enpaŝi. Neniu? Ho, jes! Iuj rajtas iri proksimen. Iuj eĉ rajtas ridi sur tiu terpeceto. La infanoj. Kaj ankaŭ France ridetas en tiuj vesperoj, kiam li staras kiel giganto meze de aro da maldikaj, gajaj estaĵoj, palpebrumante al ili:

— Ĉu ni daŭrigos?

— Ni daŭrigos! Ni daŭrigos! — eĥas tra la deklivo super la taga ŝakto, kaj la muro videble kreskas. La infanoj enmaniĝas al France la brikojn. Sed France ne povas sola rezisti al tiu bataliono. Li dungas du masonistojn. La muroj kreskas kaj larĝiĝadas. Ankoraŭ ĉarpentiston li devas dungi. La domo estas tegmentita.

— France starigis novan domon. Ĉu sola? Ho, ne tute sola. Tie li staras meze de trupo de maldikaj estaĵoj, al kiuj li, vesperon post vespero, tranĉis panon, kaj al kiuj li tranĉas grandan panbulon kaj ĉion ankaŭ tiuvespere. Kaj kiam li distranĉas grandan panbulon kaj ĉion disdonas, resonas malforta infana voĉo:

— Kaj vi, ĉu vi havas panon?

France kapjesas, li ne povas eligi vorton. Subite li adiaŭas, mansvingas al la infanoj, ilin kvazaŭ forpelas hejmen, kaj mirinde rapide ekpaŝas malantaŭ la domon. Tie li apogas sin al la muro kaj el la okuloj falas larmo.

Li starigis hejmon. La hejmon, kiu estas samtempe la tombo de la patrino de la fratoj Miha kaj Jure. Kaj — ĉu vi havas panon?

Pri tio ja ne temis, ĉu panon li havas.

Kaj plu oni aŭdas la gajan kriadon de infanoj.

— Ankoraŭ estas ĉio! Jes, ankoraŭ estas ĉio.

El la slovena: *Jože Kozlevčar.*

# Infanoj en la hospitalo

L. Tárkony

Kapetoj blondaj, brunaj, nigraj
elrigardadas per okuloj viglaj
kaj kun scivol' ekscita
el la enuo lita,
se iu preteriras en la koridoro.
Ili jam venkis pri malsano kaj doloro,
ilia lud-instinkto jam vekiĝas,
kaj ili jam feliĉas
pri ĉiu ŝanĝ' rompanta tra la pala
monotoneco hospitala.

Sed ho, la kompatindaj, la freŝaj malsanuloj,
kiuj sin tordas en baraktaj ruloj
sur la kuseno,
aŭ kiuj nur kun granda peno
spiregas sub la ungoj de la Terur' sufoka!
Ho, kiomfoje via veo helpo-voka
en noktoj mian koron boris,
kiam pri la miraklofara
kares' de panjo per amara
ploreg' vi ploris,
ĝis je la fino
trankvilon enlulante al vi donis
bonkora onjo flegistino,
kaj en konfuzan febrosonĝon vi redronis.

Hodiaŭ, kiam ĉambron mi preterrapidis,
min alridis
kun ĉarm' infankoketa
knabinjo ete-eta.
Dum la rideton mi al ŝi redonis,
en mia koro ekburĝonis
tenero granda
al tiu ĉi barakte apertiĝanta
mondo futura,
kiel kontemplas karaj
gemaljunuloj arĝentharaj
kun ĝojo senenvie pura,
ke ĉiam novajn burĝonetojn vekas, jen, la vivo
freŝa-fonta,
kiu jam el ilia velka florodora koro estas lante
forironta.

---

plodon kaj sentis akran doloron sur la dekstra vango. Ne mi elmetis la alian vangon; estis dua bolanta olea guto kiu elvagis sovaĝe el la pato. Aliaj gutoj sekvis kaj persekutis min kaj Adalberton tra la tuta kuirejo, kiu ne estis vasta.

— Kion vi faris? — mi demandis: — ĉu vi enmetis oleon kaj nitroglicerinon?

— Eble mi lasis kelkajn gutojn de akvo en la pato — diris Adalberto, pala. — kaj la bolanta oleo . . .

Nu, mi rimarkas la fakton kun la espero, ke ĝi altiros la atenton de iu ĥemiisto. Ni disponis nur pri pato; sed se oni traktas la aferon per sciencaj rimedoj, la formulo de nova altpotenca eksplodaĵo estas ne malfacile eltrovebla. Ĉar mi celas modeste kontribui al la estontaj serĉadoj pri tio, mi povas certigi, ke kiam la eksplodoj ĉesis kaj mi kaj Adalberto elrampis el sub la tablo, oleo-gutoj kuŝis sur ĉiuj muroj.

Ni rekuraĝiĝis kaj Adalberto enverŝis en la paton la konservaĵon. Li enlasis ankaŭ manuman butonon kaj vane provis ĝin reakiri. Poste, dum Adalberto penis tute miksi la oleon kaj la tomaton, ni atakis la demandon pri la salo.

— Baldaŭ la akvo ekbolos — mi diris. — Kiom da salo oni enmetu?

Adalberto ekskuiĝis.

— Mi ne havas eĉ la plej malgrandan ideon — li konfesis, — kaj tamen la salo havas esencan gravecon; se ni eraras pri la kvanto, ĉio fiaskos. Mi memoras, ke iam la kuiristino enŝutis dufoje la salon en la supon; feliĉe, ni estis sur la kamparo, kaj por la kaprinoj estis ĝoja tago. Nun vi scias, ke vi tute ne konas la dozon; tial ni povos enmeti la duoblon, kaj eĉ la dekoblon de la normala kvanto.

Li estis venkita de nigra malespero kaj mi devis elpensi ion.

— La plej grava afero estas, — mi diris post longa meditado — ke oni ne enmetu tro da ĝi. Por aldoni estas ĉiam tempo. Mi proponus: ni ŝutu pinĉprenon ĉiufoje, kaj ĉiufoje ni gustumos la akvon; kiam ni ĝin opinios sufiĉe salita, ni enĵetos la vermiĉelojn.

Li trovis bona la ideon, sed lasis al mi la taskon gustumi. Al la plej hardiĝintaj krimuloj oni devus trinkigi iam kaj iam glason da varma akvo; ili puniĝus tro kruele, eble, sed pliboniĝus. Mi gustumis du aŭ tri kulerojn, sed ankoraŭ nun, kiam mi estas faronta malbonaĵon, mi rememoras pri tio.

# En hospital-fenestro

L. Tárkony.

La ĉielo pompas nun per italece bluaj farboj,
kvankam vintro proksimiĝas jam per paŝo
plumbo-planda.
en la park' per febre sekaj lipoj trinkas ĉiuj arboj
la oblikvan ruĝan brilon de la sun' adiaŭanta.

Ho restu, Suno,
kiu en ĉi velkanta aŭtuno
ĉi tien sorĉis nun la lumon, varmon,
printempon, vivo-ĉarmon!

Ho restu, Sun' brakuma!
ne lasu, ke min glutu la frostoj kaj tenebroj,
la morna, elektroluma
torturo de la febroj!

Falas la krepuskvualoj, lante pli kaj pli obskuras,
kaj ekbrulas la lanternoj, la ĝardenaj kaj la
stratoj,
malproksime la vibranta lumo de la tramoj kuras;
tiuj plenas nun de homoj sanaj, viglaj, agmalsataj.

Ho mi, senpova malsanulo!

La tramoj kuras per rapida rulo
al la brilantaj flamoj
de la bulvardoj,
kiom da aktivec'! kiom da planoj!
ho, kiom da klopodoj, luktoj, ardoj!

Atendu, homoj, nur minuton!
ne ludu sen mi tiun ludon!
en plan' mi estu molekulo,
fajrer' mi estu en la lukto-brulo,
kaj se necese, kamaradoj,
ke por libero kaj futur' ni skermu
(ho, min el ĉi futur' ankoraŭ ne elfermu!)
mi ankaŭ estu tie sur la barikadoj!

En la parko, fajfadante iras la vespera vento,
balaadas la foliojn flavajn kun indiferento,
sed sur la novembra frosta firmamento tra
l'malheloj
la mesaĝo muta brulas de la silentemaj steloj.

---

Kiam mi reboniĝis, la akvo estis bolanta kaj mi enjetis la vermiĉelojn en la poton.

— Vi — diris Adalberto — ne moviĝu de tie, kaj havu la okulojn super ili. Kiam la vermiĉelojn transpasis la kuirpunkton, ili taŭgas jam nur en la tempo de balotoj, por la afiŝistoj, se vi min komprenas.

— Sed — mi diris, — kiel oni sin gvidu?

— Mi ne scias, kie mi legis, — li diris, — ke estas bezonata sesa sentumo. Eble mi havas ĝin. Zorgu pri la saŭco, mi staros ĉe la poto.

Mi zorgis pri la saŭco, se tiel mi povas difini la okupon turnadi en ĝi kuleron; dume Adalberto strečis la okulojn al la poto kun mieno, kiu strange memorigis min pri gravuraĵo prezentanta la alĥemiiston Cagliostro.

Subite, li faris la definitivan geston, nome li fermis la gason, kaj kriegis:

— Rapide, la kribrileton!

Mi ĉirkaŭrigardis, maltrankvila, tremetanta. La kribrileton? Mi malklare konjektis, kio ĝi estas, sed mi ĝin nenie vidis. Mi kuris tien kaj tien, renversis du-tri seĝojn, malfermis ŝrankojn, vidis ĉiuspecajn telerojn kaj vazojn, sed nenian kribrileton.

— Rapide — kriegis Adalberto — aŭ la vermiĉeloj aĉiĝos!

Mia orgasmo komunikiĝis al li. Li forlasis la poton kaj aliĝis al mi por serĉadi. En paro da minutoj ni tute senigis la meblojn je ilia enhavo, senorde ĝin amasiĝante sur la planko; ni marŝis sur tio, kio jus estis kolono da teleroj, ni glitis sur buterpecoj, unuvorte, ni faris ĉion, kio povas sugesti, en kuirejo, rakonton de Wallace, sed ne sukcesis trovi la kribrileton.

— Kuru al la saŭco, besto! — kriis Adalberto — kaj koncerne la vermiĉelojn, se ili ankoraŭ meritas tiun nomon, ni rezignu pri la kribrileto.

Li kuris al la poto, ĝin prenis kaj direktiĝis al la ŝtonlavujo.

— Kia stultulo mi estas! — li diris. — Sufiĉas, ke oni firme surtenu la fermoplaton kaj renversu la poton: la akvo defluos kaj la vermiĉeloj restos sekaj.

Tio estis vero. Mi opinias, ke fakiro facile sukcesus plenumi la faron. Anstataŭe, kiam Adalberto provis teni la fermoplaton, kiu estis varmega, li diris: Ha! kaj retiris la fingrojn.

La vermiĉeloj ne ŝajnis surprizitaj, ke ili

# Mia samlandano Jusupov

P. Pavlenko

Krom Turgunbaj Jusupov ni ne havis uzbekon ĉe nia bataliono.

Jusupov ne sciis bone la rusan lingvon, kaj kiam la soldatoj sidis kune, kaj parolis pri sia kolhozo, pri sia edzino, pri siaj infanoj, li sidis senvorte kaj aŭskultis ilin.

Ĉiuj ceteraj havis ian komunan aferon. Jusupov, la orfa, estis sola. Tio estis tuj videbla, kaj mi povis konstati, ke la stato de Jusupov ne estas facila.

Ĉe la supra Don, en iu ne-profunda valkavaĵo de la stepo ni kuŝis. Malproksime muĝis granda batalo. La bataliono atendis la vesperon, por aliri la fajro-linion, la dratretan zonon de la germanoj. La sapeistoj preparis la minojn kaj la brulŝnuretojn. La tempo estis ĉirkaŭ tagmezo, la stepo ekardis. Kelkfoje ŝajnis, ke ĝi kraketas, kiel la ŝelo de la freŝa pano, sed tio estis nur la monotona kaj seninterrompa ĉirpo de la griloj.

Ni kuŝiĝis en la densa, sed jam velkanta herbo, kaj rigardis la batalon de kelkaj sovjetaj kaj germanaj ĉasaeroplanoj super nia kapo. La tagmeza suno kvazaŭ haltis senmova. Ĝi tute ne klopodis pluiri sian grandan vojon ĉielan. Estis abunda tempo por interparolado.

Tri Uralaj batalantoj laŭtvoĉe memoradis pri siaj komunaj konatoj. Gorb, la poltavano, tute ne volis sin kalkuli al la samlandanoj de la Orlova Virubov, sed ĉar ili laboris du jarojn unu apud la alia en la feruzinoj de Mariupol, ili memoris pri la fabriko, strato, marbordaj ĝardenoj, kiel pri sia hejmo. Turgunbaj, la uzbeko, kelkajn paŝojn malproksime de ili, metis-prenis ion ĉirkaŭ la maldika akvo-fonto. Li baris la akvon per ŝtonetoj.

Mi rampis al Jusupov, kaj mi tuŝis al li la ŝultron.

— Turgunbaj, — mi diris — nun estus

---

troviĝas en la lavujo anstataŭ en la teleroj. Ili mole, lace tie kuŝiĝis kaj el la malmultaj, kiuj havis elektan elternativon, eĉ ne unu preferis la poton.

*

Malsato kaj amo ĉiam fleksas fieron; precipe la malsato.

Adalberto diris, ne rigardante min rekte en la vizaĝo: — Restas nur repreni kaj lavi ilin.

Ni ilin lavis kaj metis en la telerojn; sed la heroeco havas limojn: ilia nura aspekto detenis nin de ĉia proksimiĝo. Neniam mi forgesos tiujn vermiĉelojn. Ili estis palaj kaj ŝvelaj; ili memorigis pri ŝippereo kaj malsaneco; ili ŝajnis elveni ne el poto, sed el sanatorio. Eĉ la saŭco — ni tion sentis — ne povus redoni al ili sanecan mienon.

— Kion vi dirus — mi proponis al Adalberto — se ni utiligus almenaŭ la saŭcon? Iom maldensigante ĝin, ni povus entrempi ion. Ni havas panon kaj oni devas elturniĝi.

Adalberto iris por preni la paton kaj rigardis la enhavon.

— Mi opinias — li diris, post paŭzo, — ke la miksaĵo . . .

Estis ja strange. En la pato kuŝis la oleo kaj la konservaĵo, sed nenia miksiĝo okazis. La oleo gardis sian belan naturan koloron, kvazaŭ ne havante eĉ la plej etan kontakton kun la tomatoj; kaj la konservaĵo fermiĝis decide en si mem, formis specon de insuleto, kiun oni divenis malmola kaj kompakta, kvazaŭ kristaligita, kaj kiu boletis en lasta fritkraketado.

— Vi, — mi diris kun maldolĉa sarkasmo al Adalberto, — vi nomas ĉi tiun fenomenon saŭco?

— Ĝi estus saŭco, — li diris kolere, — se vi ne metus la manon en ĝin. Ĉu mi scias, kion vi faris?

Ni interbatiĝus, se rigardo al la kuirejo, en kiu ŝajnis, ke la batalo jam okazis, ne retenus nin. Ni manĝis kilogramon da malfreŝa pano kaj trinkis paron de litroj da akvo. La filmaj stelulinoj, kiuj uzas tiom da rimedoj por ŝajnigi angoron dum la dramecaj scenoj, devus ekprovi tielan manĝon: dum tuta horparo oni faras la plej spasmajn singultojn kun surpriza senartifiko.

El la itala: *Stefano la Colla.*

bone esti en Fergan, ĉu ne? Sunbrilo, persikoj. En la arikoj muzikas la akvo. Se vi starigas brikon en la ariko, preta la akvofalo. Se vi klinas vin super la arikon, sub vi la akvo kantas mallaŭte, kvazaŭ via panjo vin dormigus.

— Hej, kamarado! — suspiris de feliĉo Turgunbaj: li estis Fergana knabo. — Konas vi nian Fergan? Bela tero. Konas vi longe?

— Fergan-on ĉiu konas, — mi diris, sed li malgaje skuis la kapon. — Ni ĉiuj estis tie — mi daŭrigis kaj prenis lian manon. Lia mano estis seka kaj glata kiel la polurita ligno. — Kiam ni konstruis la grandan Fergan-kanalon, ĉiu estis tie. Anime la tuta lando estis tie.

Mi alvokis la armenan Armenjak Papazjan.

— Armenjak! Ĉu vi konas Fergan-on?

— Ne, — li respondis, rigardante la ĉielon, kie en morta danco krozis dekduo da sovjetaj kaj germanaj ĉasaeroplanoj.

— Kaj ĉu la Ferganan metodon vi konas?

— La metodon mi konas — li diris, dum li turniĝis de dors-al-sube al ventr-al-sube kaj ombrelis la okulojn per la mano. — La Fergana metodo estas delikata afero — li diris konsidereme — fruktodona metodo.

— Kiel do fruktodona?

Li klarigis tion.

— Diablo scias, kio estas tiu Fergana metodo. Tiom mi jam legis pri ĝi, sed mi ne komprenas, — diris iu.

Turgunbaj prenis specon de vergo kaj volis montri, kiel ili laboris pri la kanalo, sed Mark Cigler, la afergvidanto, lin interrompis:

— Ĉe ni, en Kuban — li diris — oni perfektigis la Ferganan metodon, kiam ni konstruis la akvobasenon Ŝĉiko. Tial do estas pli ĝuste, se anstataŭ Fergana ni parolas pri Kubana metodo. Kaj ĝiu konsistas en tio . . .

Jusupov ne lasis lin fini. Kvazaŭ li jurus, li levis sian manon, kaŭriĝante dume sur la piedpintojn:

— Kamarado, ne konvenas! — li diris, kaj liaj okuloj fajreris de nigraj lumoj. Sed mankis al li sufiĉe da vortoj, kaj li timis, ke li ne povas eldiri, kion li pensas.

— Jen mia samlandano — li diris montrante al mi. — Parolu li. Mi petas, ne ĝenu.

Mi komencis paroli pri la Fergana metodo, pri la laborherooj de la unua kanalo, pri la noktaj paŝtistfajroj de la granda popola akvovojo. Neniu ankoraŭ levis la entuziasmon de la popoloj je tia grandioza ondado, kiel la uzbeka popolo. Ĉio ĉi ankoraŭ estas tre-tre nova, kaj ĝuste tial ŝajnas diskutebla. Sed la metodo naskiĝis tie en la popolo, kaj firmiĝis en la potenca amasmovado. Ĝi estis mirinda festo, mirinda fabelo, kiun fabelis la popolo mem per siaj centmil fosiloj kaj pioĉoj.

Poste la metodon, la fabelon transprenis Armenio, poste Azerbajĝano, transprenis Kubano. Sed ĝia naskpatrino estis la uzbeka Fergan.

La afergvidanto Mark Cigler kompreneble ne kontestis, ka la uzbekoj estas la unuaj: ili estas tiaj terlaboristoj, ke vane oni serĉus egalajn al ili, sed aliflanke estas nerefuteble, ke Kubano multe perfektigis la Ferganan metodon.

— Mi estis ja en Fergan, mi ĉirkaŭrigardis, kiel tie progresas la laboro, — li diris.

— Fergan kaj Mergalan estas urboj vere eminentaj. Ankaŭ la ĝardenoj estas treege belaj, kaj la vinberoj — nu, tiaj vinberoj ne troviĝas eĉ en Kubano. La vinberoj estas unuarangaj.

Turgunbaj kaj Fergan venkis.

Mi demandis Jusupovon:

— Kie estas Dusmatov? Kie estas Djarimsalkov? Kendinbabajev kaj Mirzamashudov, la ŝercmajstro? Kie estas la laborherooj de la Fergana kanalo?

Jusupov ŝultrotiris.

— Mi ne scias — li diris. — De la unua tago de la milito mi estas en la fronto. Kioma hodiaŭ?

— La sepa de aŭgusto.

— Ses tagojn pli frue en tiu jaro komenciĝis pri la kanalo la Granda Laboro. Tiel kiel hieraŭ, en tiu jaro Kendinbabajev donis ok normojn en la ĉefa sekcio. Post du tagoj li donis naŭ, post tri tagoj dek, poste sesdek kubmetrojn en unu tago! — kaj Jusupov ekridis feliĉe.

— Ĉu vi memoras pri tio, kiam Halima Masirova, la kantistino de la uzbeka popolo, venis al la kanalo? Ĉu vi memoras, kiel ŝi kantis foje ĉe noktmezo; poste, kiam ŝi finis, ĉiu kriadis: — Ne ĉesu, ne ĉesu, ne foriru! — Kaj ili batis per la mano la bruston, kio signifas, ke ili estas pretaj elŝiri sian koron kaj ĝin ĵeti antaŭ ŝiajn piedojn.

Turgunbaj kapbalancis, kaj komencis kanti pri la revoluciulo Hamza tiun kanton, kiun Halima kantis ĉe la Kujganĵara kluzo; kaj ni, kvazaŭ ununura giganta koro, ekpulsegis je la aŭdo de la Hamza-kanto.

Armenjak Papazjan rimarkis, ke per radio aŭ en la Moskva granda terkultura ekspozicio li jam aŭdis tiun kanton, kaj tion li diris per tia voĉo, ke subite ni ĉiuj nin sentis iel pli parencaj reciproke.

La suno dume naĝis malrapide al okcidento. Baldaŭ vesperiĝis. Inter la nuboj, la bataloj ripoziĝis; ankaŭ la kanona bruo daŭris nur kvazaŭ pene, por retiriĝi definitive de antaŭ la ekbojoj de minoj kaj artfajraĵo de raketoj.

Ĉe la veno de la vespero silentiĝis ankaŭ la tero. Kun la silento venis la freŝo de la vespero.

Proksimiĝis la nigra tempo de la sapeistoj. Mi kuŝis apud Jusupov. Li rigardis la altan stelan ĉielon, kaj antaŭ liaj okuloj lante preterpasis la sonĝbildo de lia naskotero. Ankaŭ mi revis pri Fergan.

Ni vidis la ombrajn ĝardenojn de Fergan, ĝiajn brilantajn rizkampojn, kiuj memorigis al ni bluan segmenton de ĉielo. Ni vidis la granatarbojn, kies pomoj brilas kiel ruĝaj kristallampoj inter la verdaj branĉoj. Ni aŭdis, kiel la longa-kruraj cikonioj flugas sur sian neston. Kaj Fergana polvo, pli seka kaj subtila ol la fumo, tiklis niajn okulojn.

Halima! Ĉu vi ankoraŭ kantas, kiel tiam vi kantis? Kantu, ke tion aŭdu la uzbekoj ĉi tie, sur la bordo de la supra Don... Aŭdu ankaŭ la rusoj, kiuj konas la plezuron de via kanto. Kantu, ke ĉiam vi povu ĉeesti en la koro de Jusupov.

— Ĉu vi volas, ke Halima kantu, Jusupov?

— Tiuj ne konas Haliman — li diris, turnante sian rigardon al la kamaradoj. — Ili vidis nur ŝian portreton. Ankaŭ de la Fergana metodo ili vidis nur la portreton. Kanti mi ne scias, sed la Ferganan metodon... mi ĝin montros ankoraŭ hodiaŭ nokte. — Kaj li elpuŝis el sia pulmo plenan bruston da aero. — La Fergana metodo estas tiel bona, kiel la vivo, tiel bona, ke ne estas domaĝe por ĝi morti.

Kiel giganta nigra kato sursaltis nin la nokto, kaj la vesperaj lumoj rifuĝis kiel teruritaj musoj de antaŭ ĝiaj velurmolaj paŝoj.

— Prepariĝu! — iris la komando de buŝo al buŝo.

Jusupov ellevis la brikon el la fonto, kaj la akvo ĉesis kanti.

La prenis du faskojn da eksplodboteloj, unu brulŝnureton kaj pecon da maldika dratkondukilo.

— Domaĝe malŝpari vane la aerminojn! — li diris. — Estas tero facila kaj estas tero malfacila. Ĉi tiu estas facila. Atentu, kion mi faras.

Kaj li montris, kiel li kunplektas per drato la du faskojn da eksplodboteloj, kiel li alligas la brulŝnureton, laŭ la sistemo de la tempoĝustigita mino.

— Mi konas teron, ĉar mi estas terlaboristo. Sapeisto-terlaboristo. Malmultekosta kaj gaja metodo ĝi estas.

Ni adiaŭis unu la alian.

Post unu horo tuta serio da teruraj eksplodoj ekbruligis la nokton antaŭ la germanaj linioj. La maŝinpafiloj tamburis en la sovaĝan koncerton. Kaj la raketoj fajrerante ternis en la nokton.

La germanoj komencis fajron en la tuta linio.

La majoro, en kies ŝirmejo mi pasigis la nokton, telefonis al la sapeista bataliono.

— Kial, je la diablo, vi malŝparas la minojn?... Kio?... Kia Fergana metodo?... Ho, sagaca afero!... Sprita. Inda je dekoro — tuj faru la proponon! Mi amas la sagacan bravaĵon. Sendube tre sprita.

Mi diris al la majoro:

— Do Turgunbaj Jusupov, mia samlandano, montris, kion li scias?

— Ĉu vi estas uzbeko?

— Ne, sed mi vivis tie, inter ili.

— Sagaca popolo, — diris la majoro, kaj mi sentis en la mallumo, ke li ridetas. — Fergana metodo! Vidu kaj miru! Treege sprita! Tri vojojn ili tranĉis en la dratobstaklo, kaj krome ili eĉ zorgis pri embuskejo. Ĉion ĉi sen unu sola mino. Ordenon al tiu uzbeka knabo!

El la rusa: *K. Stelov*

# La nova testamento

## Abraham Reisen

Krom la hebrea religio, Aaron Lejb sciis, ke ekzistas ankoraŭ du religioj: tiu de la nacianoj kaj la tatara. Li sciis tion, ĉar en la urbeto loĝis nacianoj kaj tataroj. Pri la naciana religio li sciis, ke anstataŭ sabaton ili tenas dimanĉon kaj manĝas porkan viandon; kaj pri la tatara religio li sciis, ke ilia sabato estas vendrede. Aaron Lejb ne havis altan opinion pri ambaŭ religioj. Sed la tatara religio, li pensis, iamaniere aspektas pli saĝa... Unue, ĉar ili cirkumcidas la infanojn, kaj due, ĉar ili ne manĝas porkojn. Sole tio sufiĉas, ke, liaopinie, la tatara religio staru pli alte, ol tiu de la nacianoj. Kaj en vero Aaron Lejb respektis la tatarojn pli ol la nacianojn, malgraŭ tio, ke ambaŭ popoloj restis nekonataj al li.

Aaron Lejb estis judo instruitulo. Kutime judaj virinoj venadis al li, por ke li decidu pri iaj etaj religiaj demandoj: li ŝajnigadis, ke li ne rajtas respondi, sed tamen li decidadis, ĉar li sciis ne malpli multe, ol la rabeno mem... Sed koncerne la aliajn religiojn li sciis nenion. Pri la Nazaretano io ja estas menciita en la Talmudo, nur tiom malmulte, ke li sciis pri li ne pli, ol lia edzino, kiu rakontis al la infanoj, ke oni priĵetis Jesuon per brasikotrunkoj.

Aaron Lejb nur sciis, ke la nacianoj estas la plej grandaj malamikoj de la judoj, kaj ke la judoj bedaŭrinde vivas dispelitaj inter la nacianoj, kaj ke kiam venos la Mesio, ĉiu naciano fariĝos judo.

Inter la nacianaj najbaroj Aaron Lejb havis unu konatulon, Anufri, kiu sciis legi iliajn sanktajn librojn. Anufri de tempo al tempo penis havi diskuton kun Aaron Lejb pri la religioj, tio estas pri la juda kaj ilia. Sed Aaron Lejb kutimis eviti tiajn konversaciojn. Unue, li ne mastris ilian lingvon, kaj due, estas ja danĝere, kiel li povus rakonti pri Jesuo tiujn malbelajn rakontojn! Anufri vere estas bona naciano, sed naciano ĉiam restas naciano. Se Aaron Lejb elbalbutos malbonan vorton, la naciano certe denuncos lin kaj, Dio gardu, li ankoraŭ kadukiĝos en malliberejo.

*

Vivis Aaron Lejb tiamaniere ĝis siaj kvardekaj jaroj, sciante nenion pri la naciana religio.

Scivolema li tamen restis, kia estas tiu religio. Oni ja ne povas diri, ke la tuta mondo estas freneza — li foje ekpensis. Kaj malgraŭ tio, ke tiu opinio jam havis odoron de herezo, de kiu Aaron Lejb estis tre malproksima, li, kvazaŭ malice, penis enprofundiĝi en ĝi pli kaj pli profunde... Precipe en la antaŭtagoj de iliaj festoj, kiam la sonorilegoj de la urbeta monahejo sonoris malgaje kaj vekis strangajn demandojn en la kapo de Aaron Lejb.

Iun fojon venas Aaron Lejb en la sinagogon frumatene, laŭ sia kutimo — agnombro por diservo ankoraŭ ne kolektiĝis — kaj ekaŭdas, kiel kelkaj judoj kun la pedelo en la centro staras apud la altaro kaj disputas pri io. Li alproksimiĝas por aŭskulti atente. Jen oni priparolas gravegan novaĵon:

Venis iu homo hieraŭ vespere en la urbeton kaj alportis kun si plenan kestegon da Malnovaj Testamentoj, nigre binditaj, kaj disdonas ilin senpage...

Ekaŭdinte pri Malnovaj Testamentoj senpage, Aaron Lejb ekmemoras, ke li efektive bezonas Malnovan Testamenton. Li deziras akcepti tian ekzempleron. Kaj Aaron Lejb pridemandas:

— Kie troviĝas tiu judo?...

La pedelo ekridas:

— Tia judo li estas, kia naciano mi...

— Kio do li estas? — demandas Aaron Lejb, tre interesita.

— Apostato... vera apostato, estu lia nomo elradikigita!

— Kial do li disdonas Malnovajn Testamentojn?... — demandas Aaron Lejb tre surprizita, kaj liaj haroj kaj ungoj ekstariĝas...

— Hi, hi, hi — ridas la pedelo —, vi, sinjoro Aaron Lejb, tion ne scias! Ili ja estas misiistaj Malnovaj Testamentoj... Ĉu vi

komprenas? Ĉio en ili estas tiel, kiel en la veraj Malnovaj Testamentoj, nur unu verso iom diferencas kaj en tiu verso kuŝas la tuta ruzaĵo...

Kaj la pedelo elprenas el la librŝranko jam disŝiritan Malnovan Testamenton, foliumas kaj foliumas kaj trovas la verson:

— Jen virgulino gravediĝos... Ĉu vi vidas, jen per tiu verso ili faras la tutan trompaĵon... Ĉu vi komprenas? Nu, vi povas akcepti tian Malnovan Testamenton?...

Aaron Lejb ne povas kompreni, kian trompaĵon estas eble fari en tiu ĉi verso, aŭ pere de ĝi, ke estu tia danĝero, sed ne dezirante montri sian nescion tiurilate, li silentas kaj finfine ekmurmuretas:

— Tia faritaĵo, tia faritaĵo...

— Kial demandi — diras la pedelo, kontenta pri sia scio profunda rilate tion ĉion —, ankaŭ ili posedas kapojn... sed nur por agi kontraŭe...

— Li do estas apostato? — demandas Aaron Lejb, kaj liaj manoj kaj piedoj tremas de scivolemo...

— Ĉu io alia? — respondas la pedelo —, ĉu judo disdonas Malnovajn Testamentojn senpage?... Kaj nur Malnovajn Testamentojn? Oni diras, ke li ankoraŭ disdonas ion alian senpage...

— Kion ankoraŭ? — Aaron Lejb fariĝas eĉ pli interesita.

— Ho, Dio gardu nin! Tiu libreto estas grandega danĝero... Ĝi estas la Nova Testamento... Ĉio pri Jesuo.

— Nu, nu, nu — surpriziĝas Aaron Lejb —, diru, mi petas, ĉu tio ĉio vere estas en la sankta lingvo?...

— Oni diras — respondas la pedelo —, ke laŭ la nomo, ĝi estas en la sankta lingvo...

La sinagogo dume pleniĝas per nove alvenintaj preĝontoj. La konversacio plivastiĝas kaj pliprofundiĝas. Unu juna viro, kiu okupas postenon instruistan en granda urbo, penas klarigi la problemon entute: — tio estas tre facila afero. Ekzistas tia organizaĵo, kiu elspezas oron por apostatigi la judojn, ĉiujn judojn ĝis unu... Ili havas milionojn... Oni diras, ke eĉ la registaro donacas monon por tiu celo... Nu, unue ili volas vin allogi per la Malnova Testamento... ĝi ja estas juda afero... Sed la Malnova Testamento estis falsita... Ĉu vi komprenas? En la libro de Jesaja ili faris mizerajojn, precipe ĉe „virgulino gravediĝos"... kaj ankaŭ en la Psalmoj; ili penas tie montri, ke „Li" devenas de la reĝo David...

— Eĉ de la reĝo David!... — miras Aaron Lejb.

Dume alvenas la rabeno.

La ĉeestantoj respekteme stariĝas en du vicoj. La rabeno, alta malgrasa judo, kies bekeŝo pendas sur li kiel nigra sako, trairas inter la vicoj de la starantaj homoj, siblante la verson „Ho, kiel belaj estas viaj tabernakloj" kaj turnas sin reen al la ĉeestantoj:

— Ĉu vere, ke oni venis por nin apostatigi?... — li diras ridetante.

— Hi, hi, hi! — ridas la pedelo —, jes, por apostatigi...

Ĉiuj ĉeestantoj ridas pro la ŝerco de la rabeno...

— Ne diru tion — serioziĝas la rabeno —, danĝero tio tamen estas... En niaj tagoj, la religio malfortiĝas... la herezemo pligrandiĝas... Mi intencas eldoni solenan malpermeson, ke oni ne akceptu la Malnovajn Testamentojn, kiujn li disdonas senpage...

— Ĝi estas tre necesa — respondas Aaron Lejb —, oni ja ne povas scii kio okazos...

Kaj post la diservo estis eldonita la solena malpermeso.

*

Aaron Lejb venis hejmen tute konfuzita... La misiisto lin tre interesis. Kiu povas diri, kion li estus eltrovinta per de li, se ne estus tiu solena malpermeso...

La morgaŭan tagon li venis en la sinagogon eĉ pli frue, ol iam ajn antaŭe. Li volis ekscii pri la misiisto kaj ĉefe pri la Nova Testamento... Kio povas esti skribita en ĝi, ke tio malbonigus lin, Aaron Lejb?...

En angulo ĉe la orienta muro sidis Hanan, la memapartiginto, judo en la mezaĝaj jaroj, kun severaj, saĝaj okuloj, kaj senparole enrigardis traktaton de la Talmudo.

Aaron Lejb proksimiĝis al li.

— Kion vi diras, sinjoro Hanan, pri la misiisto? — demandis Aaron Lejb kun koro bateganta.

— Kio estas por diri? — la memapartig-

# Du poemoj el „Kreado de l'mondo"

Nikolaj Rylenkov

Arĝentecan gorĝon am' posedas
kvazaŭ cignan voĉon havas am'...
Etendante manojn, vi ne cedas
voki min ... Sed ĉesu, estas van'.

Forgesiĝon la anim' sopiras,
miajn revojn ne timigu for.
Ĉu al cigna voĉo do similas
mia voĉo raŭka de angor'?

Ĉu vi ne eksentas, ne komprenas,
ke trafumis min milit-terur'?
Ĉu al via milda kor' konvenus
mi, homevitulo kaj krudul'?

Sed tra bruo kaj hurlad' batala
via voĉo sonas kun obstin':
— Tia iĝis vi duoble kara,
ĝuste tian mi revokas vin.

El la rusa: *Hilda Dresen.*

En strateto dezerta, en ligna dometo,
mi dezirus eklogi post fin' de l'milit',
foliumi volumojn de karaj poetoj
kaj ensorbi mentgutojn de paca medit'.

Sed en tiu ĉi urbo, en kiu mi lernis,
pri la lignaj dometoj ne restis memor'
Kiel drako terura, milito ekstermis —
kaj de ili postrestis nur fumo-odor'.

Mia lando ja estas vastega kaj luma,
por mi certe troviĝus kvieta angul',
kial estas do mia sopiro konsuma,
kiam nun mi foriras kun larma okul'?

La malĝojon subpremos l'anim' kun obstino,
sed la revoj veados en kor' kun singult'...
Eble tion difinis al mi la destino,
ke mi serĉu trankvilon sen la rezult'.

El la rusa: *Hilda Dresen.*

---

into malvarme respondis —, malsaĝulo donas kaj saĝulo akceptas ...

— Kion signifas „saĝulo akceptas" ? — Aaron Lejb fikse lin rigardis.

— Jen mi akceptis Malnovan Testamenton kaj Novan Testamenton.

— Kion vi diras ? ... — Aaron Lejb miregis —, vi ?

— Kio, ĉu vi vere timas, ke mi apostatiĝos ? ... Sensencaĵoj !

Aaron Lejb ekkaptis la spiron :

— Kompreneble, ke vi pravas ... Jes, mi opinias male ... tio estas, oni devas scii ĉion, kio kaj kiam ...

Li haltis kaj, tremante en la tuta korpo, mallaŭte petis :

— Ĉu vi ne povus pruntedoni ĝin al mi por enrigardi, la Novan Testamenton, kompreneble ... Devas esti tre interesa afero.

— Mi povas ĝin pruntedoni al vi ... Mi havas ĝin hejme. Venu al mi vespere ... Sed ne tamburu pri tio al iu ajn. Ili ja estas kiel brutoj. Ili pensas, ke oni tuj kuras apostatiĝi ...

Post la vesperpreĝoj Aaron Lejb iris de la domo de Hanan, la memapartiginto, kaj en la poŝo li havis la malgrandan nigran libreton ...

Liaj manoj kaj piedoj tremis dum la irado. Kiam li proksimiĝis al la Monaĥejo, kiu staris alta kaj grandega kaj rigardis kun siaj oraj krucoj ĉielen, la timo kaptis lin des pli forte. Ŝajnis al li, ke el la etaj monaĥejfenestretoj elrigardas nigraj estaĵoj kaj volas forlogi lin en la densan mallumon.

Li jam intencis elĵeti la libreton el la poŝo, sed la manoj ne servis al li kaj li apenaŭ atingis sian domon.

Enirinte en la ĉambron, li aspektis pala kiel kreto. La edzino, malforta, ne sana virino, rigardis lin demande :

— Aaron Lejb, kio okazis al vi ? ...

— Nenio ... Mi ektimiĝis ... hundo ...

— Ĉiam li ektimiĝas de hundoj ! — ŝi ŝajnige koleriĝis, kiel patrino pri infano —, kion faras hundo ... malsaĝuleto ... Hundo bojas kaj ĉesas ...

„Nu, iru kaj rakontu al ŝi, ke tio ne estis hundo ..." Aaron Lejb, iom trankviliĝinte, pensis : „Kion povas virino scii pri tiaj aferoj ?" ...

# Babilado kun la Oblikva Turo

## Ferenc Móra

Je Dio, la afero ne estas tiel stranga, kiel ĝi ŝajnas. Mi kredas, ke la Oblikva Turo estas preta paroli kun ĉiu, kiu faras, kiel mi faris. Unue, oni ne iras tagmanĝi en la hotelon „Nettuno", sed aĉetas en unu vendejo pecon da fromaĝo, en alia pecon da pano, en la tria du oranĝojn, kaj kun ĉiuj ĉi oni iras al la katedrala placo, sidiĝas sur la marmorŝtupoj de la *Battistero* kaj tagmanĝas nudmane vidalvide de la *Duomo,* post kiu la Oblikva Turo embuskas, t. e. se ni jam manĝas, ni diru, ke ĝi rigardas en nian buŝon. El la vegetara manĝo la Turo tuj povas vidi, ke ĉi tien ĝi rigardas vere pia pilgrimanto, ne ia infaneca gapanto, kies evangelion Baedeker redaktis. Post kiam oni alvenas al amen, t. e. oni viŝas siajn fingrojn per la fromaĝ-kovra papero, oni forlasas la marmorŝtuparon kaj kuŝiĝas en la herbo, kiun surpaŝi tie ne estas malpermesate, eĉ, male, estas rekomendinde. Nun, unue, agrablan senton oni havas, konsciante, ke oni ripozas ekster la muroj de la *Campo Santo* en la bela verda herbo, kaj ne inter la muroj de la *Campo Santo* en la bela nigra tero, kiun antaŭ sepcent jaroj la *signor*-oj kaj *signorin*-oj alportigis por si el Jerusalemo. Due, nenie en la mondo la herbo havas tiel belan smeraldan koloron, kaj se tiu koloro eniĝas en ies pantalonon, ĝi restas tie eterne. Pli konvenan donacon por la hejme-restintoj oni eĉ ne povus imagi. Ĝi estas nepra surprizo, ne tre multekosta, kaj la limoficistoj ĝin translasas sen rimarko kaj limdepago. Poste, hejme oni povas ĝin pendigi en la ŝranko, kaj se oni ne lasas ĝin esti manĝata de la tineoj, eĉ post jarcentoj povos miri la pragenepoj: Rigardu, en tiu ĉi pantalono babiladis nia praavo kun la Oblikva Turo de Pisa. Finfine, oni ja vere ne povas postuli de niaj posteuloj, ke ili montru la kirason, en kiu mi kiel kruckavaliro deĵetis sultanon Saladin de lia ĉevalo. Cetere, kiel mi konas min, plie Saladin deĵetus min de mia ĉevalo, ĉar ankaŭ en mia interparolado kun la Oblikva Turo mi ludis prefere nur pasivan rolon. La interparolon komencis ne mi, sed ĝi. Mi nur rigardis el la verda herbo la bluan ĉielon kaj aŭskultis la anserojn kriadantajn ĉirkaŭ mi. Kun cignoj konkuras la italaj anseroj, kiuj sin paŝtas, en distanco de kelkaj paŝoj, ankaŭ sur la muroj de la tombeja halo. Sur la korĝojiga fresko de Benozzo, kie la maljuna Noah en plumita bereto kaj en ĝisgenue suprenfaldita pantalono piedpremas la vinberojn en la kuvo, kaj ĉirkaŭe liaj famaj filoj, Sem, Ham kaj Jafet, dancas la forlana-dancon kun la junulinoj de Toscana, havantaj tiel larĝajn koksojn, ke oni tuj emas kredi, ke ili popolumis tri mondpartojn per siaj idoj. Sed kio obsedis tiujn majstrojn de trecento, kiuj pentris sur la suda muro tiujn teruraĵojn pri la lasta juĝo, pri la infero kaj la triumfo de la morto, tiel ke oni sentas ion tian, kian en frua infanaĝo sonĝante pri fer-forkega satano? Io certe treteruris kaj ege kolerigis tiujn malfeliĉajn pentristojn. Eble paŝis al ili sur la piedon vagantaj norduloj, kiam ili kuŝis en la herbo sonĝante pri arkanĝeloj, kaj, malferminte la okulojn, ili vidis okulvitrajn kalkumilstangojn. Mi ne povas labori per peniko, do mi alimaniere elverŝis la venenon de mia kolero: mi aĉetis de invalido ilustritan poŝtkarton pri la Oblikva Turo, kaj adresis ĝin al mia

---

Post kelkaj horoj, kiam ĉiu en la domo jam dormis, Aaron Lejb kun tremantaj manoj elprenis la nigran libreton el la poŝo, pligrandigis la flameton en la lampo, sidiĝis ĉe la tablo kaj komencis legi . . .

Li legis vorton post vorto, serĉante tie ian profundan misteron kaj ne povis kompreni.

Kaj super ĉio li la morgaŭan tagon demandis al si :

— Se tio ĉi estas la naciana religio, por kio oni bezonas monaĥejojn kaj por kio ĉiujn tiujn malsaĝaĵojn, kaj kial malamas la nacianoj la judojn ? . . .

Li volus demandi Anufrion, lian najbaron la nacianon, sed li timis :

Anufri certe povos denunci lin, kaj li ankoraŭ kadukiĝos en malliberejo . . .

El la juda : *A. Krolenbaum*

arkitekto-amiko. Mi scias, ke ĉiu honesta arkitekto ĝojas, se alia arkitekto faras ion malbone. Kaj por ke lia ĝojo estu ankoraŭ pli granda, mi skribis ankaŭ komentarion sub la bildo:

La Oblikvan Turon multaj ja vizitas,
Anglo, rus', germano, franco kaj vandalo.
Tie ĉi, amiko, mi pri vi meditas,
Ĉar nenie — tia arkitekt-skandalo!

La lastan linion mi surpaperigis jam kun fermigantaj palpebroj. Mi jen faligis, jen suprenlevis la kapon, kiel la kapro, kiu intencas kornpuŝi. Foje mi eklevis mian kapon tiel subite, ke mi preskaŭ frapis ĝin kontraŭ la muron. Ne mi strebis en la alton, sed la turo kliniĝis al mi. Kaj ĝi min alparolis. Mi komprenis ĝin tute klare, kvankam la voĉo venis de la oka etaĝo: „Kion vi opinias pri mi, afabla fremdulo?" — Mi ne povas diri, ke mi tre miris: en la Sankta Skribo ja enestas: saxa loquuntur (ŝtonegoj parolas). Kaj se la azeno de Balam ĉiutage povis paroli, foje ankaŭ tiu marmormirindajo povas tion provi. Pli multe embarasis min en la unua momento, kiel mi nomu la turon. Nu, sed hungara homo ja rapide orientiĝas koncerne honortitolojn: kvindek kvar metrojn altan turon oni povas alparoli per nenia alia titolo ol per „Via Alta Moŝto".

Mi ĝojas, ke la sano de Via Alta Moŝto estas senmanka. Mi vidas, ke vi ankoraŭ havas viajn cent okdek kolonojn, kaj ke oni tute ne povas rimarki tiujn viajn sepcent kvindek jarojn. — „Jes, sed miaj nervoj!" ekĝemis la turo. „Kompreneble! la multaj vizitantoj, ĉu ne? La jurnalistoj teruris la mondon, ke Via Alta Moŝto nuntempe iom suferas de kapturno." Al la turo okulvideble plaĉis, ke la jurnaloj pri ĝi okupiĝas. Kaj mi do daŭrigis la komplimentadon: „Estus malagrable, se la moderna arkitekta scienco elrektigus Vian Altan Moŝton. Tiam la mondfama Oblikva Turo de Pisa perdus sian tutan sorĉan altirforton. Ĝi fariĝus tia *campanile,* kiel la ceteraj." Mi vidis, kiel nun mi vidas, ke la Turo ekbalancas sian plej supran galerion. Ĉiuj ĝiaj sonoriloj eksonis laŭte, mi preskaŭ ne povis kompreni la vortojn.

„Vidu, fremdulo, jen kio min faras nervoza ĝismorte" — li murmuris triste — kial oni min nomas Oblikva Turo! Kiel mi elmeritis tiun kalumnian ĉikanon?" — „Ho!" — mi ekmiris. — „Ĉu do Via Alta Moŝto ne scias, ke siatempe messer Bonannus kaj messer Guglielmo malbone konstruis la fundamenton, kaj tial Via Alta Moŝto fariĝis la mondfama Oblikva Turo?" — „Kalumnio!" — Indigno tremigis la konveksan bruston de la Turo. — „Miaj malamikoj elpensis tiun malnoblan kalumnion. De sepcent jaroj daŭras tiu kalumnia subminado, kaj de sepcent jaroj neniu rimarkas, ke mi estas rektega, kiel kandelo ĉizita el marmoro.

Decide mi povas aserti, ke la Turo en tiu momento estis pli oblikva ol iam. Sed tion oni ja ne povas eldiri malkaŝe. Mi nur balbute rimarkis, ke ĉi tie devas troviĝi ia eraro.

— „La plej freneza eraro" kapbalancis la Turo. „La afero statas tiel, ke la tuta urbo Pisa estas oblikva, nur mi sola estas rekta."

Tiel proksimen li kliniĝis al mi, ke min alspiris la malvarmo de la marmoro. Kaj — kion oni faru, kiam kvindek kvar metrojn alta turo lin minacas, se li ne kredas, ke ĝi estas la sola rekta, kaj la tuta cetera mondo ŝanceliĝadas? Prefere mi kredis tion, kaj eĉ promesis al la Turo, ke mi orientos la mondon pri la vero.

Eble lernos el tio la ceteraj oblikvaj turoj.

El la hungara: *Dr. Leo Loránd.*

## La pola reĝido

### M. A. Goldschmidt (1819-1887)

Reĝo kaj reĝino en Polio havis filon, ege amatan kaj ili decidis lin sendi al fremdaj landoj, ke li plivastigu siajn sciojn kaj spertojn kaj fariĝu eĉ pli taŭga regi iam sian popolon. La vojaĝo promesis despli da utilo, ĉar la princo malgraŭ sia juneco estis seriozulo kaj lia sola manko, aŭ kuriozeco estis, ke neniam li volis manĝi fiŝon, ĉar — oni ne scias, kial — jam de la infanaĝo li sentis antipation kontraŭ ĉiuj skvambestoj. Tio ĉagrenis la bonan reĝon kaj lian reĝinon, ĉar ili mem estis ege ravataj de fiŝoj, kaj ĉar la regno havis superfluon de la plej bongustaj fiŝoj, same en la maro, kiel en la riveroj kaj lagoj.

Por gvidi la princon dum lia vojaĝo ili elektis junan viron, konatan pro siaj saĝo, sprito kaj brava karaktero. Ĉe la forvojaĝo la

# LINGVO

**Ankoraŭ pri radika transitiveco.**

Volonte mi sidas ĉe la piedoj de Gamaliel por lerni la plenan puran veron. Tamen en silentaj momentoj povas turmenti min duboj. Dogmo estas ĉiam malmola — „dura" diras rimemuloj kontraŭ pura.

Iu samideano demandis la Majstron pri la verboj *komenci* kaj *fini*, ĉu ili estas transitivaj aŭ netransitivaj, kaj li respondis, ke ili estas nek unu, nek alia „same kiel en naciaj lingvoj". Kia herezulo! Li do ne sciis bone la lingvon: li ja ne legis la Plenan Gramatikon.

Mi diris, ke radiko en Esperanto havas multe da signifo. Komparu, kiel ilustracion, ekz. la artikolon *kapo,* 130-cm-an en la Enciklopedia Vortaro de Wüster. Kiam mi parolas pri *multe da signifo,* mia kritikanto d-ro Kalocsay ŝanĝas tion je multaj signifoj, eĉ ĉiuj. Kaj post logika sartomortalo li argumentas, ke la radikoj laŭ mi devas tute nenion signifi. Mem li nepre volas dekreti, ke la esperantaj verboj estu jam radike aŭ transitivaj aŭ netransitivaj. Zamenhof estis liberala reguliganto, sed li estas jam malmoderna, libereco ne decas en nia tempo. Tamen la lingvo Esperanto venke vivis kaj evoluis mirinde en kaj per tiu libereco dum 60 jaroj! S-ro K. donas kelkajn ekzemplojn de verboj; *flugi* kun aliaj estas netransitiva; tia verbo „povas havi nek akuzativan objekton nek pasivon". Ĉu oni do ne havos plu la rajton diri ekz. „li flugis rapide la distancon" aŭ „la distanco de li flugita"? Se tiuj ĉi esprimoj ankoraŭ estos korektaj, tiam la reguloj de s-ro Kalocsay ne estas la tuta kaj pura vero.

Certe tiaj studoj pri nia lingvo, kia „La gramatika karaktero de la Esperantaj radikoj" de d-ro Kalocsay, estas interesaj dokumentoj kiel komentarioj, eĉ se ili montras, ke ofte la teorio estas morta litero kompare al la praktiko vivanta.

*Paul Nylén.*

Estimata sinjoro Nylén! Vere, estas dolore al mi, ke ni ne konsentas. Kredu, ke mi respondas al vi ne pro kontraŭparolemo, sed pro sincera deziro de interkonsento.

Unue, mi devas insisti, ke mi ne „dekretis". Dekreto estas aŭtoritata ordono, do io tute alia, ol la longega argumentado, kiun mi faris. Eĉ, oni povus diri, ke mi troargumentis ĝis nekompreneblo. Nun mi klopodas esti pli konciza.

Mi volis senkulpigi la karmemoran Alex Kay pri tiu miscito, ke anstataŭ via „multe", li skribis „neniu". Mi diris, por lia senkulpigo, ke ĉi-okaze tiuj du vortoj estas samsignifaj. Ŝajne mi ne sukcesis pruvi tion. Permesu, ke mi faru novan provon de pruvo.

La vortoj „blankulo", „flavhaŭtulo", „negro", „ruĝhaŭtulo" donas precizan difinon pri po unu homrasoj. La vorto „homo" sence ampleksas ĉiujn ĉi kvar homrasojn, sed ĝi difinas neniun el ili speciale. Ĝi do esprimas *praktike* neniun el ili, ĉar per la vorto „homo" oni ne povas esprimi, pri kiu el la rasoj temas en certa okazo. Jen do, ĉi tie: ĉiuj kvar = neniu.

Ekzistas kvar gramatikaj kategorioj: substantivo, adjektivo, verbo, adverbo. Se mi diras pri radiko, ke ĝi entenas ĉiujn kvar kategoriojn, tio signifas *praktike,* ke ĝi estas nedifinita laŭ kategorieco, tiel same kiel

---

reĝo kaj ankaŭ la reĝino insiste petis lin, ke li bone gardu la princon, se eble, igu lin manĝi fiŝojn, sed speciale, ke li retenu lin de la virina amo, escepte, se la objekto de tia amo estus egalranga al li, t. e. el princa sango.

La princo do forvojaĝis kun tiu ĉi akompananto kun la benoj de la bona reĝo, reĝino, kortego kaj tuta popolo, kaj kiam post dutaga marvojaĝo ili albordiĝis en fremda lando, la unua, kiun la princo rimarkis, estis tre bela, juna virino. Ĉar ŝi estis filino nur de simpla nobelulo, la gvidanto ne volonte konsentis, ke la princo vizitu ŝin; sed ĉar li estis saĝa kaj sciis, ke la amo estas pasio, kiu pligrandiĝas renkontante obstaklon, li decidis ne kontraŭstari kaj ankaŭ li mem sekvis la princon al la vizito ĉe la nobelulo.

Post mallonga tempo la edukisto vidis, ke la amo de la princo kreskas, kvankam li ne malhelpis ĝin, kaj tial li decidis neniigi la amon per saĝo. Iun vesperon, kiam kelkaj estis kune ĉe la nobelo, li komencis paroli pri la konsiderindaj mikroskopaj inventoj de la novaj tempoj, kaj havante kun si unu el la tiutempe inventitaj pligrandigaj lensoj, saĝe li direktis tiel la aferon, ke li ricevis permeson meti la pligrandigilon ankaŭ sur la lilie blankan manon de la juna nobelulino, sur ŝian, eĉ pli molan vangon kaj kiam la princo trarigardis la lenson laŭ la deziro de la edukisto, li devis vidi, ke la delikata mano de la amatino, same kiel tiu de ĉiu mortemulo, estas skvama.

La saman vesperon la reĝido manĝis fiŝon.

El la dana: *F. Szilágyi.*

## Kio la gloro?

**Kio la gloro? Ĉielarko brila,**
**Sunlumo refraktita inter larmoj.**

*Sándor Petőfi.*

„homo" ne estas difinita laŭ raseco. Do: ĉiukaraktera = neniukaraktera.

Eble la miskompreno devenas ankaŭ el tio, ke Alex Kay uzis la vorton „senco", dum temas pri „gramatika kategorio". Per tiu ĝustigo, mi esperas, la malfacilaj de nia interkonsento estas eliminitaj.

Estas vere, ke „flugi" povas havi pasivon, kaj nun mi prefere rekonas mian eraron, ol klarigadi tiun specialaĵon de Esperanto. Sed anstataŭ tiu unu verbo, mi povas skribi tie ĉi 20 aliajn: perei, droni, ŝveli, taŭgi, brili, pendi, resti, daŭri, ĉesi, aperi, ekzisti, okazi, putri, ŝveli, eksplodi, boli, aparteni, manki, konsisti, degeli. Neniu el ili estas imagebla en pasiva voĉo.

Pri la opinio de Zamenhof mi povas diri sole: Verba volant, scripta manent. Neniam Z. uzis transitivajn verbojn netransitive; neniam li skribis: „la kunsido komencas", aŭ „li naskiĝis la okan de oktobro".

Mi dankas vin, ke vi nomis miajn studojn interesaj dokumentoj. Sed mi kredas, ke ili ne starigas apriorian teorion, eĉ male, ili tiras siajn konkludojn el la „praktiko vivanta" (vd. la ĉapitron „Indukta Pravigo").

*K. Kalocsay.*

**Kritiko de kritiko.**

Estimata Redaktoro, permesu al mi iom kritiki viajn kritikistojn.

En la recenzo de „Diversaj Autoroj" (L. M. 11—12.) mi notis tri korektaĵojn, pri kiuj mi ne konsentas.

1. En la frazo „Malgraŭ sia lerteco ŝi tamen ne sukcesis enspezi tiom, ke ŝi povis vivi per tio", miaopinie, la anstataŭigo de „povis" per „povu" tute ne korektas la frazon. Ĉi tio devus teksti jene: „. . . ŝi tamen ne sukcesis enspezi tiom, per kiom ŝi povis vivi". Interrilateco de korelativoj estas ĉiam celinda.

2. En la frazo „Mi ekvidis moneron kuŝanta sur la strato" temas pri la pligraveco de la kuŝado au de la ekvido de la monero menu. En la unua kazo „kuŝanta" estas ĝusta, dum „kuŝantan" estas ĝusta en la dua kazo. Do, ambaŭ esprimoj estas permeseblaj, kaj la korektaĵo nur estas necesa, se la dua senco estas intencata. Ĉio ĉi egale sin aplikas al la frazo „li rimarkis iun personon preterpasanta".

3. Ankaŭ en la recenzo de „Enkonduko en la Kulturon" mi notis malĝustan korektaĵon. La korektita frazo „la homaro kalkulas Goyan, kiel unun el la spiritoj" estas malĝusta, ĉar estas fundamenta regulo, ke la kardinalaj numeraloj estas nevarieblaj, do la akuzativo ĉe „unu" estas kontraŭgramatika. (Malgraŭ tiuj rimarkoj, mi alte taksas la literaturan valoron de via periodaĵo.)

*William Robertson.*

Estimata s-ro Robertson! Ni kore al vi dankas vian afablan zorgemon pri la lingva ĝusto de niaj recenzoj. Permesu, ke mi respondu al vi publike.

1. Miaopinie, „ŝi ne sukcesis enspezi tiom, ke ŝi povu vivi per tio" ne estas kondamnebla. Temas ĉi tie pri konsekvencindika subpropozicio, kiel en la zamenhofa frazo: „Esperanto ne estas ankoraŭ en tia feliĉa stato, ke oni povu el ĝi tiri profiton". Certe, „en tia feliĉa stato, en kia oni povus . . ." estus multe pli peza. Sendube, tiu konsekvenc-indika esprimo-formo ne estas fremda al la lingvo, do estus troa severo ĝin malpermesi. Krome, la formo proponita de vi estas speco de rilata epiteta subpropozicio; en tiaj propozicioj, se la ĉefpropozicio estas negacia, Zamenhof ĉiam uzas us-modon: „Ni ne estas tiaj homoj, kiuj protektus...": „mi diris al vi nenion, kio estus malvera". Do mi preferus: „. . . ne . . . tiom, per kiom ŝi povus vivi".

2. Pri la dua punkto, vi estas prava. La recenzinto iel komprenis laŭ la teksto, ke temas pri la dua kazo, kaj li opiniis, ke la verkinto apartenas al la adeptoj de tiu „movado", kiu volas malpermesi la akordigon de la postmetitaj adjektivoj. Vi eble memoras pri la granda batalo, kiun P. Corret elluktis kontraŭ tiu sekto.

3. Pri la tria punkto, vi estas kaj prava kaj neprava. Nepre prava laŭ tradicio. Sed — tiu tradicio baziĝas sur eraro. „Unu" ĉi tie estas ne kardinala numeralo, sed pronomo, preskaŭ sinonimo de „iu", do la fundamenta regulo ne koncernas ĝin. Vidu la zamenhofan frazon: „unuj objektoj venis en *unujn* manojn, aliaj en aliajn manojn". La recenzinto havis tiun (ne mallogikan) opinion, ke „unu", se ĝi havas akuzativon pluralan, povas havi ankaŭ akuzativon singularan. Aliparte, la verkinto povas sin pravigi per la tradicio. Justa juĝanto devus esti nova Salomono. *K. Kalocsay.*

**La definitiva fino pri „po".**

Laste mi skribis, ke oni min envios pri tio, ke mi ne havas pli gravajn zorgojn, ol la „po"-problemo. Sed ŝajne ekzistas multaj tiaj enviinduloj: la „po"- opinioj venas poamase. Lau unu el ili oni devas diri: „doni du pomojn po infano".

Tute timigite de tiu propono, jene mi finas definitive la „po"-aferon per la prezento de la sekva kompromiso, kiun mi kredas ĝenerale akceptebla.

1. Kiuj preferas la gramatikan logikon, tiuj diru: „doni al la infanoj po du (aŭ: po unu) pomojn".

2. Kiuj preferas la tradicion, tiuj diru: „doni al la infanoj po du pomoj" (aŭ: „po unu pomo").

3. Kiuj ne povas elekti inter la logiko kaj la tradicio, tiuj ne uzu „po", kiam ĝi enkondukus fraz-objekton; ili diru: „doni al ĉiu infano du pomojn", aŭ „doni al la infanoj pomojn po du pecoj". Anstataŭ: „doni po kvin dolaroj(n)" ili diru: „doni monon po kvin dolaroj". Anstataŭ: „trinki po unu litro(jn) da vino" ili diru: „trinki vinon po unu litro". Per iu el tiuj kvar manieroj de elturniĝo oni povas savi sian animon en ĉiu okazo. *K. Kalocsay.*

# OBSERVO

### Pro domo.

Kelkaj abonintoj de L. M. rifuzis reaboni nian revuon pro ties „linio". Unu el ili skribis, ke Literatura Mondo estas plie Literatura Orienteuropo, kaj ke ni laŭdas la „ruĝan faŝismon", samtempe kondamnante la grandan, demokratan, liberalan Usonon. Ĉi tiu opinio ŝajnas koncize resumi la riproĉojn de ĉiuj ceteraj ne-reabonintoj, kaj tial ni grupigas nian respondon laŭ tiuj tri punktoj.

1. Ĉu vere ni estas tiel neelteneble Orienteŭropaj? Ni vidu improvizitan statistikon pri tio, kiel dividiĝis en 1947. niaj publikigaĵoj lau la landoj.

a) *Prozo tradukita:* armena: 1 (5½ paĝoj), ĉeha: 2 (5½ paĝoj), franca: 2 (6), nederlanda: 1 (4), rusa: 3 (15), serba: 1 (2½), usona: 3 (10), hungara: 3 (11½). Fakte, el „Okcidento" 6 pecoj (20 pĝ.), el „Oriento" 10 pecoj (39 pĝ.). Sed:

b) *Poezio tradukita:* angla: 8 (520 versoj), ĉeha: 1 (24), franca: 5 (276), itala: 1 (176), hungara: 4 (68), kroata: 2 (22), provenca: 1 (14), sveda: 2 (34), ukrajna: 1 (14). Ĉi tie 17 „Okcidentaj" poemoj (1014 v.) staras kontraŭ 8 „Orientaj" 128 v.).

c) *Observo:* angla: 1 (1 kolono), franca: 6 (24½), germana: 1 (1), hungara: 1 (1½), itala: 1 (3), pola: 2 (5), rusa: 3 (8), sveda: 1 (3), svisa: 1 (10), usona: 4 (11). Do, „Okcidento": 11 artikoloj (53 k.); „Oriento": 6 artikoloj (14½ k.).

Jen, montriĝas, ke ĉe la noveloj hazarde vere superpezas la „Oriento" (se ni bone strekis la limon), sed ĉe la poemoj kaj observ-artikoloj multe pli superpezas la „Okcidento", precipe lau la amplekso. Kion diri do? Ŝajnas, ke la protestantoj indignas ne pro la superpezo, sed pro tio, ke *entute* ni aperigas ion eĉ el tiuj malbenitaj regionoj, kiujn ili kovras per la ferkurteno de sia ignoro kaj malestimo.

2. Kio pri la „ruĝa faŝismo"? Nu, ni vicigas ĉi tie ĉiujn asertojn, kiujn oni povas rigardi pli malpli politikaj.

*a)* Sovjetunio batalis heroe por savi sin kaj la mondon kontraŭ la bruna faŝismo *(tia, nome, ekzistis)*, kaj ĉi tiu lukto kostis al ĝi nedireble multe da ofero kaj sufero.

*b)* La ekzistismo baziĝas sur la sendignigo de la homo; rigardi la homan ekziston sensenca kaj absurda estas malsana filozofio.

*c)* La atombombo estas malhoma armilo, ĉar ĝi servas por ekstermo de tutaj urboj; uzi tian armilon estas milita krimo.

*d)* Oni devas ne intermiksi la revoluciemon kun la aventuremo kaj sadismo.

*e)* Usono ne konsistas nur el tiu „malvarma, humida infero", pri kiu, laŭ Priestley, raportas al ni la Hollywood-aj filmoj, sed ankaŭ el la medio de grandaj demokratiaj tradicioj. Kaj baze de tiuj tradicioj batalas ankoraŭ viroj en Usono kontraŭ la militincitantoj.

*f)* Oni devas elekti la popolfratecon kaj lauplanan laboron anstataŭ la atakmilito; oni ne lasu sin embarasi per militpaniko.

*g)* La martirajn heroojn de la franca rezisto ne gvidis mania fierego, malplena spito, sterila superemo. Kiu prezentas ilin tiel, tiu ne konscias pri la simpla fakto, ke la homo estas socia estaĵo, kaj povas sin oferi por la socio.

*h)* Rifuzi la samrajtecon al la negroj estas rasismo. (Parenteze: ĉi-rilate oni vere povus paroli pri „blanka faŝismo".)

*i)* Venena filozofio estas, se iu rigardas la socion neinda por tio, ke oni ĝin servu, kaj vidas la kulminacion de la spirita evoluo en nehome indiferenta observado.

Esplorante ĉi tiujn punktojn „pekajn", ĉiu objektivulo devas rekoni, ke en ili temas aŭ pri nerefuteblaj faktoj, aŭ pri moralaj evidentaĵoj. La aserto, ke ilin konfesi estas komunismo, estas — kalumnio kontraŭ la nekomunistoj. Kaj precipe kalumnio kontraŭ la pleja parto de la esperantistoj, ĉar veramo, homamo, homfrateco, pacemo, rasegaleco, sociemo, respekto de homdigno konsistigas tion, kion oni nomas „interna ideo".

3. Ni atakas la „grandan, demokratian, liberalan Usonon", Ĉu tio estas vera? Permesu, ke nian sintenon ni ilustru per du aferoj.

*a)* En la libro de G. Seldes: „Unu mil amerikanoj" (One thousand Americans, New York, 1947) oni povas legi la jenon: La registaro de Usono siatempe projektis ekspluati la akvoenergion de la St-Lorenz-rivero. Per la konstruo de tiu energiofonto, granda nombro da senlaboruloj estus trovinta laboron, la popolo estus havinta malmultekostan elektro-kurenton. 20 milionoj da amerikanoj estis interesataj. Sed la grandaj elektro-trustoj, por malhelpi la malpliiĝon de la kurento-prezoj,

### Pri la Babela -ujo kaj -io.

Longa, tro longa konflikto inter la ujo-anoj kaj io-anoj ne sukcesis solvi la demandon pri landnomoj. Miaopinie, estas stulte ĉikani pri tiuj du sufiksoj, kiuj logike ne povas taŭgi por landnomoj, ĉar ili havas alian sencon ol tiu de „loko". *Ujo* montras vazon aŭ keston aŭ ion similan, kiu enhavas objektojn; *-io* estas aplikata je sciencaj vortoj, kiaj astronom-*io*, filolog-*io*, monark-*io*, k. t. p., do, estas konfuze uzi unun aŭ la alian en la kazo de la landoj. Estus pli logike simple elekti *-ej*, kiu *efektive* montras lokon kaj skribi: Francejo, Anglejo, Hungarejo, Italejo, k. t. p.; laŭvorte: *ejo* kie estas francoj, *ejo* kie estas angloj...

Ni sciu, ke *-ej* estas renversita formo de la internacia finaĵo por landnomoj *-ie*, aŭ *-ia*, kaj ke ĝi estas uzata en loka kazo en la slavaj lingvoj (w Europ-*ie:* en Eŭropo; w kopaln-*ie:* en minejoj). En la germana lingvo: Tschechoslovak-*ei*. Ĉeĥoslovakejo.

Oni ne ofendus la Fundamenton tiel farante, kaj tiel venus vana konflikto al kontentiga fino. *Daniel Carion*

akre kontraŭstaris, kaj ili havis sufiĉe da rimedoj por neniigi la planon. Liberala senatoro diris tiam en la Kongreso: „Mil homoj kapablis malhelpi konstruon, utilan por milionoj da amerikanoj". — Nu, por ni Usonon reprezentas ne tiu *milo*, sed tiuj *milionoj*.

*b)* Oni faris en Hollywood la filmon „Ferkurteno". Iu rolulo, Kulin, diras en la filmo: „Ni defendis Stalingradon. La neĝon sango farbis ruĝa. Mi demandis, kiu entreprenos danĝeran taskon. Neniu estis ema. Tiam mi mortpafis kvindek unu bubojn. Tuj anoncis sin aliaj kvindek. De tiam mi ne havis plu tiajn malfacilaĵojn: ĉiam anoncis sin volontuloj pli ol necese. Ha, ha, ha!" Ni sciiĝas pri tio, ke tre divers-specaj usonanoj, filmartistoj, verkistoj, universitataj profesoroj protestas kontraŭ la prezento de la „Ferkurteno". — Nu, por ni la granda, demokratia, liberala Usono estas ne la reĝisoro de tiu filmo kun siaj mastroj, sed tiuj protestantoj.

*L. M.*

**La grupo**
**ĉirkaŭ virgulino Ragnheidur.**
**Islanda amtragedio.**

En 1914 mortis la islanda poeto Dorsteinn Erlingsson, kvindek-ses jarojn aĝa. Ankoraŭ ne estas longe, kiam li mortis, eble ne sufiĉe longe, ĉar kiel diris alia famkonata islanda poeto kaj teatraĵverkisto: La malproksimo bluigas la montojn kaj grandigas la homojn. Kaj kion ne komprenis aŭ ŝatis la samtempuloj, tion eble komprenos kaj ŝatos la venontaj generacioj, ĉar preskaŭ ĉiuj genioj estas antaŭ sia tempo. Tamen oni ne povas diri, ke Dorsteinn Erlingsson estis nekomprenata aŭ malŝatata, la kontraŭa aserto estus eĉ pli proksima al la vero, sed ĉu ne estas multe pli bona okazo rigardi ekzemple batalon inter du armeoj el malproksimo, ol kiam oni estas inter la batalantoj? Ĉiuj detaloj mankas, oni vidas nur la plej apudajn personojn, ĉar oni staras sur la sama nivelo, — la tutan aspekton oni ne scias, ĉar mankas superrigardo. De pli alta nivelo, el malproksimo, oni havas la plej bonan vidon. Tiel ankaŭ pri poetoj kaj verkistoj: nur kiam oni havas iliajn tutaĵojn antaŭ si, oni unue kapablas klare vidi kaj juĝi. En la konfuzo kaj varmo de la batalo oni facile forgesas la plej gravan. Kaj la sama ankaŭ pri ĉiu afero: ju pli ĝi malproksimiĝas, des pli da tempo oni havas por pace diskuti pri detaloj kaj ĉefaĵoj.

Kaj al Dorsteinn Erlingsson mankis nek batalo, nek amikoj, aŭ kontraŭuloj. Post mallonga laboro kiel gazeteldonisto kaj redaktoro li publikigis siajn unuajn poemojn; freŝaj kaj novaj, kiaj ili estis, ili spiris novan delikatan spiron kaj vivon, kaj riĉigis la islandan literaturon per unu nuanco, la subtila kaj freŝa nuanco de libereco en pensoj, kompato al kompatindaj kaj kunsento kun ĉiuj malaltuloj, ĉu homoj ĉu bestoj. Sed unue tamen lia libereco en pensoj kaj vortoj. Li kuraĝis skribi pri tio, kion prisilentis ĉiuj aliaj, kaj lia avantaĝo estis tio ke li vidis la homajn aferojn, la amon kaj la pasiojn, en pli sana lumo. Li kvazaŭ diris: Tio estas natura kaj sana kaj en neniu rilato malpura. Sed tio ĉi estis tute nova en la islanda literaturo, kaj ĉiu novaĵo ja vekas kontraŭstarojn, ĉu ne? Li malamis ĉian malhonestecon kaj malsincerecon: kio estas celata, tion oni ankaŭ devas diri, — ne nur vuale mencii kaj tiam subite silenti.

Li ne verkis multon, kaj liaj postaj verkoj plenigas nur du aŭ tri volumojn, tamen eble ĉio ne estas presita aŭ kolektita. Kontraŭe vivas tio, kion li verkis, kaj en unu speco de poezio neniu superas lin, nome en la *rima*-metriko, kie li atingas la plej altan pinton de la poeziarto kaj lingvobeleco. Liaj noveloj pri bestoj estas multe legataj, kaj trezoro ĉie dezirata lia poemkolekto: „Domoj" (Islande: „Dyrnar").

Sed kion konas kaj deziras posedi ĉiu poeziŝatanto, estas lia poemo: „La ĵuro" (Islande: „Eidurinn"), kies unua parto plenigas unu libron. La alia parto ne ekzistas. Ĝi jam estis preta, sed tiam la poeto havis sonĝon, li bruligis la duan parton kaj volis komenci novan. Sed antaŭe vokis la morto, kaj jam kelkajn tagojn post la bruligo de la manuskripto li ne plu viris, eĉ ne sukcesanta fini la amkanton, kiun li volis meti antaŭ la poemon kaj tiamaniere dediĉi la libron al sia edzino, al kiu estis la amkanto. Lia edzino tamen post lia morto eldonis la unuan parton kaj la nefinitan amkanton (islande: mansöngur), kaj tiu neniam tute preta libreto fariĝis unu el la plej belaj poemoj en la moderna islanda literaturo.

Kvankam la poeto ne sukcesis fini sian poemon, oni bone konas la enhavon de la mankanta parto, ĉar la poemo estas pri unu el la plej karaj temoj de la islandaj poetoj. En la lasta parto de la deksepa jarcento vivis la episkopo *Brynjólfur Sveinsson* en la episkopejo *Skálholt* en suda Islando. Li estis el spirita kaj materiala vidpunkto unu el la plej grandaj homoj tiamaj kaj la plej potenca reganto de la lando. Lia solfilino estis Ragnheidur, virgulino Ragnheidur, pri kiu temas „La ĵuro". Ŝi estis ege bela kaj virta knabino, kaj la plej admirinda, adorinda kaj havinda virino sur la tuta Islando. Sed ŝi ankaŭ estis virino juna kun amsopiro en ĉiu sangguto, kaj interrilato komenciĝis inter ŝi kaj juna pastro-aspiranto, *Dadi*, kiu studis tie en Skálhot ĉe la episkopo, kaj kiun junan homon la episkopo tre ŝatis kaj fidis. Ekflustris nun la homoj en Skálholt, ke certe Ragnheidur ne estas plu virgulino, kaŭze de Dadi, kiu estis ŝia instruisto. La flustrado flugis super la tuta lando, kaj la honoro kaj virto de Ragnheidur kaj de ŝia patro estis en danĝero. Tiam li, la episkopo, por savi la honoron de sia solfilino kaj ŝin purigi de ĉiu skandalo, aranĝis ĵuradon en Skálholt, kie lia filino, virgulino Rangheidur, en kunesto de multaj homoj, ĵuris „ke ŝi estas sendifekta de

viraj malpurigoj" — ke ŝi estas virgulino. Oni povas al si imagi la honton en tiu afero por Rangheidur, la plej bela kaj bona estonta edzino sur la tiama Islando. Sed fiera estis episkopo Brynjólfur, kaj antaŭ ĉio honesta, iom malmilda eble. Nun ŝi ĵuris kaj laŭ lia kredo ĉio estis bona.

Sed post certa tempo Ragnheidur naskis infanon, kaj nun ŝia patro kaj la tuta nacio sciis, ke ŝi false ĵuris. La fatala tago, la dekunua de majo, kiam la episkopo trudis al sia filino ĵuri, do havis kontraŭan sekvon: anstataŭ purigi lian filinon de ĉiu makulo, la ĵuro nun duoble malpurigis ŝin. La tragedio komenciĝis. Dadi estis forsendita, Rangheidur mortis post ĉirkaŭ unu jaro, ankaŭ la infano — knabo — mortis, kaj la episkopo estas memorata kiel unu el la plej malfeliĉaj episkopoj sur Islando. Kaj tiu amo inter Dadi kaj Ragnheidur estas eble la plej tragedia amafero sur Islando.

Pri tiu multe diskutita temo, la verkistino *Torfhildur Hólm*, vivanta en la deknaŭa jarcento, verkis historian romanon kun la titolo „Episkopo Brynjólfur". Tiu libro estis multe legata, ĉar ĝi rakontis pri kara temo, kaj laŭ tiu libro la plej multaj havis sian opinion pri la afero. En tiu libro Dadi estas preskaŭ diablo, kaj bedaŭrinda fakto estas ankaŭ, kaj ne parolanta favore al Dadi, ke preskaŭ samtempe kun la naskiĝo de la filo de Ragnheidur, ankaŭ du servistinoj naskas infanojn, kies patro laŭ ilia atesto, estas Dadi. Kaj li ne neas. Kaj senhezite diras tiu verkistino, Torfhildur Hólm, ke Ragnheidur ĵuris false.

Sed nun vekiĝas la demando, ĉu virgulino Ragnheidur vere false ĵuris. La dua verko pri tiu temo estas la unua parto de „La ĵuro" de Dorsteinn Erlingsson. Tiu parto finiĝas per la ĵuro de Ragnheidur kaj la fiero kaj ĝojo de la episkopo, ke la honoro de lia filino nun estas savita. Tamen la leganto scias, ke ŝi ĵuris false, ĉar en belega poemo „Nokto", Dorsteinn Erlingsson antaŭe informas nin pri la korpa rilato de la gemantoj. Sed unu grandan paŝon li tamen faras, nome, li kreas el tiuj du ĉefpersonoj viron kaj virinon kun homa korpo, kun sango en la vejnoj kaj kun homaj pasioj. Ili forte amas kaj ilia amo estas senkulpa, pura kaj natura. Ŝi estas la plej bela kaj admirinda knabino sur la tuta Islando, li la eleganta homo, kiu ŝin instruas, la bela juna viro, pri kiu ĉiuj junulinoj revas. En la manoj de Erlingsson, Dadi ne plu estas diablo kiel ĉe Torfhildur Hólm, li tiamaniere purigas ŝin, ĉar nun oni bone komprenas, ke ŝi enamiĝis al li, dum oni tion tute ne komprenas laŭ la priskriboj de la verkistino.

Sed en la plej lastaj jaroj aperis nova verko traktanta tiun temon. Juna islandano, *Gudmundur Kamban*, skribis kvin volumojn kun la titolo „Skálhot" (la nomo de la episkopejo). La verko estas en romanformo kaj komenciĝas per la amo inter Ragnheidur kaj Dadi, kaj finiĝas, kiam mortas la episkopo, sola kaj malfeliĉa, maljuna homo. La unua kaj la dua volumoj estas pri la amo kaj morto de Ragnheidur („Jómfra Ragnheidur" kaj „Mala domestica"), dum la tria, kvara kaj kvina volumoj pritraktas la mallongan vivon de la filo de Ragnheidur, la sorton de Dadi, kaj la malfeliĉan kaj ĉiam pli pezan angoron de episkopo Brynjólfur. (La nomoj de la tri lastaj volumoj laŭvice: „Hans Herradómur", „Quod felix" kaj „Brinjólfur biskup".) Tiu verko estas unu el la plej grandaj verkoj aperintaj en tiu ĉi jarcento sur Islando, kaj multan honoron meritas la aŭtoro, Kamban, pro sia diligenta studado de la malnovaj arkivoj kaj pro sia nobla kaj mola mano, per kiu li tuŝas tiun delikatan temon. La verko estas kvazaŭ historia fonto pri multaj aferoj. La tuta jarcento kaj la tiama spirita Islando respeguliĝas en la tamen ne tro ampleksa verko, oni ekkonas la sorĉul-bruladojn kaj la frenezecon koncerne ilin, ni vidas la ĉiutempe plej grandan religian poeton de Islando, *Hallgrimur Pétursson*, kaj Kamban kompate rakontas pri lia sufero kaj doloro en la momento de lia ekmalsano. Krom la tri ĉefpersonoj, multegaj homoj aperas en la libro, el kiuj plej simpatia estas *Helga en Brardratunga*, parencino de Ragnheidur, kiu ŝin helpas akceptante ŝin en sian domon. Kaj ŝi ruze aranĝas, ke neniu per la staturo de Ragnheidur povu vidi, ke ŝi sub sia brusto portas infanon. Tion ŝi faras per ordono al ĉiuj virinoj en sia farmejo, ke ili portu vastajn robojn, similajn al pastroroboj, kaj tiel ŝi bone gardas la sekreton de sia nevino, ĉar nun Ragnheidur ne estas la sola virino, kiu portas tian veston. Kaj tiel bone ŝi sukcesas, ke neniu en la farmejo scias pri la stato de Ragnheidur ĝis post la naskiĝo de la infano.

Nu, sed la novaĵo, la originaleco en la verko de Kamban koncerne la traktadon de tiu ĉi temo ĉefe konsistas el lia defendo de Ragnheidur. Defendi ŝin volis ĉiuj antaŭaj aŭtoroj kaj la tuta popolo, sed kiumaniere oni devas tion fari, oni ne komprenis. La defendo de Torfhildur Hólm konsistas en ŝia aserto, ke Dadi estis preskaŭ diablo kaj li delogis Ragnheidur — la defendo de Dorsteinn Erlingsson, ke ili ambaŭ estis homoj naturaj kaj junaj. Pri lia posta defendo oni ne scias, ĉar detruita estas la dua parto de lia verko. Sed Kamban faras tute novan paŝon, li ne nur klarigas al ni ilian fortan, pasian amon, sed li ankaŭ purigas ŝin de la peko, ke ŝi false ĵuris. Kamban diras: *Ŝi ne ĵuris false.* Kiam lia patro devigis ŝin ĵuri, ŝi estis tute pura de vira tuŝo, ŝi vere estis virgulino. Sed la honto al ŝi farita kaj la obstino vekita en ŝia brusto, la kolero en ŝi ŝaŭmanta, kune kun ŝia pasia amo, igas ŝin, kvazaŭ pro venĝo, iri al Dadi tiun saman vesperon kaj ĉe li resti dum la nokto. Por ne kontraŭi la naturajn leĝojn, ilia korpa rilato devas okazi tiel frue. Kaj tio eĉ estas la lasta limo, sed Kamban tiel iras ĝis la ekstremo

# RECENZO

**G. J. Degenkamp: Esperanto 60-jara.** Skizo pri la evoluo de la lingvo literatura. 1947. Eldonis. Libroservo F. L. E. Amsterdam, Nederlando. 60 paĝoj. Formato: 15×24.

La autoro intencis, laŭ la titolo, trarigardi la 60 jarojn de la lingvo el la vidpunkto de ties literatura evoluo. Ĉu li sukcesis pri tio? Nu, mi opinias, ke li ne efektivigis sian intencon: li parolas multe pri aferoj ne apartenantaj al lia temo, kaj pri tiu temo mem li parolas tre malmulte. La verko traktas precipe pri literaturhistorio kaj pri gramatikaĵoj; pri la stilo troviĝas en ĝi nur kelkaj asertoj, plejparte ne dokumentitaj. Pri la „spirito de la lingvo" — preskaŭ nenio.

Tio ne signifas, ke oni ne trovas en la libro valorajn kaj trafajn konstatojn. Prave la aŭtoro honoras niajn pionirajn verkistojn, el kies pene kolektitaj spertoj profitas la nunaj aŭtoroj; prave li mencias, ke multaj „modernaĵoj" ĝerme jam ekzistas en la zamenhofa lingvo-uzo; prave li emfazas la grandan signifon de la tradukado rilate al la lingvo-evoluo; prave li argumentas, ke kiel ajn granda estas la signifo de la Zamenhofa lingvaĵo, la evoluo ne ĉesis per lia morto, kaj la „ĝisosta" zamenhofeco ŝtonigus la lingvon; prave li konstatas, ke la nove proponataj formoj kaj vortoj ne endanĝerigas la lingvon, ĉar „kio ne estas praktika, nek logika, tio mortas naturan morton". Ankaŭ en la prijuĝo de la diversaj verkoj kaj verkistoj troviĝas multaj trafaj kaj kernaj karakterizoj.

Malforta flanko de la verko estas la manko de kronologio. Laŭ la antaŭparolo, la autoro ĝin ignoris tial, ke la lingvo ĉe unuj verkistoj evoluis pli vaste, pli moderne ol ĉe la aliaj. Sed, laŭ mia opinio, la evoluon oni devas montri tie, kie ĝi ekzistas, ne atentante tiujn, kiuj staras, postrestinte, sur pli malalta evoluo-ŝtupo. Pro la manko de kronologio la verko iel disfluas, ne havas firman spinon.

Kelkfoje la autoro kurioze mistrafas per sia valorjuĝo. Li ekz-e pridubas la influon de la principoj „neceso kaj sufiĉo", tiel klare videblan en la moderna Esperanto. Aliparte, li juĝas ege studindaj la prilingvajn broŝurojn de Rollet de l'Isle, kiuj estas pure teoriaj, kaj eĉ ne povus havi ian influon pro sia malfacilo kaj sendetermineco.

Tre multe okupiĝas la aŭtoro pri gramatikaj demandoj, kaj ĉar li eldiras tute aŭtoritate regulojn neakcepteblajn, mi devas pritrakti iom detale liajn opiniojn.

1. Li prenas de ie la regulon, ke la predikativo devas esti adverba, kiam ĝi rilatas al la eliziita *objekto*. Nu, tia regulo ne ekzistas: adverban predikativon oni devas uzi nur, kiam en la frazo mankas la substantiva au pronoma *subjekto*. „Schleyer ne trovis necesa fari. . ." do estas perfekta frazo, ĉar en ĝi ja ekzistas substantiva subjekto (Schleyer); „necese" estus simpla eraro. Same: „mi opinias bona, ke . . ." estas senerara, ĉar enestas pronoma subjekto (mi), kaj mankas nur la demonstrativa objekto (tion). Zamenhof kaj Kabe sciis tion, la autoro, bedaŭrinde, ne scias.

2. Li diras, ke inter „estas -ita" kaj „estas -ata", la lasta estas la *logike ĝusta formo*. Mi ne scias, kial. Sed mi scias, kial ne. Mi eĉ provos tion komprenigi.

Ni vidu la jenan frazon: „Petro memoras la melodion, Paŭlo ĝin forgesis". Jen, la frazo esprimas, en la aktuala tempo, la *memoron* per *-as*, kaj la *forgeson* per *-is*.

Nun, ni uzu pasivon. Ĉi-okaze „estas" signas la aktualan tempon. Kiel do oni povas esprimi la „-as" de la memoro, kaj la „-is" de la forgeso? Evidente nur per la participaj tempoj. La frazo do tekstos:

„La melodio estas memorata de Petro; ĝi estas forgesita de Paŭlo."

Nun ni metu la frazon en estintan tempon. Kio ŝanĝiĝas tiam? Nur la aktuala tempo. Do, anstataŭ „estas" oni devas meti „estis". La frazo tekstos:

„La melodio estis memorata de Petro; ĝi estis forgesita de Paŭlo."

Same: „Kio estas perdita kaj ne-retrovita, tio estas nehavata". La participaj tempoj ankaŭ tie ĉi ne ŝanĝiĝas, se anstataŭ „estas" ni metos „estis".

Kio estas la kaŭzo de ĉi tio? Nu, tio, ke la memoro aŭ havo *daŭras dum tiu tempo*, pri kiu oni parolas; male, la *momento* de la forgeso aŭ perdo estas *antaŭa* ol tiu aktuala tempo. Kiam oni konscias pri forgeso aŭ perdo, tiam tiu forgeso aŭ perdo *jam okazis*. Do: memorATA = neforgesITA, forgesITA = nememorATA; havATA = neperdITA, perdITA = nehavATA.

---

por purigi ŝin de pli granda peko ol tiu honto, ke ŝi sekvas la dezirojn de sia pasio kaj obstino — nome de la peko false ĵuri. Kaj pro tio virgulino Ragnheidur antaŭ niaj okuloj staras kiel senkulpa, virineca knabino, dum ŝi antaŭe portis en la tombon la pekon de falsa ĵuro sur siaj ŝultroj.

Rimarkinda fakto estas la jam menciita sonĝo de Dorsteinn Erlinsson, priparolita en la enkonduko de lia edzino „La ĵuro". La aŭtoro jam havis pretaj ambaŭ partojn de „La ĵuro", kiam li sonĝis, ke venis al li Ragnheidur Brynjólfur kaj esprimis sian estimon rilate al la unua parto, sed ne al la dua parto. Tial la aŭtoro detruis la lastan parton kaj volis ĝin aliigi kaj reskribi. La lasta poemo en la unua parto estas pri la ĵuro mem. Nu, mi ne estas okultisto, sed ĉu Ragnheidur vere bone konis la limojn inter la du partoj, ĉu ŝi ne ankaŭ intencis montri al la aŭtoro, ke ĝuste la ĵuro estas sur erara loko. Sed pro la nevolaj, nekonsciaj kontraŭstaroj de la aŭtoro, ŝi tion ne povis. Tio estas supozo nur, kompreneble. Jen la vera legendo pri virgulino Ragnheidur kaj Dadi, — pri tragedia amo sur Islando.

*Jón Dan*

La tempon de la participo do evidente difinas la *karaktero* de la uzata verbo. Kaj — kontraŭ ĉi tiu *pravo* staras la aŭtoritata *deklaro* de la aŭtoro.

3. Li ŝajne rigardas „po" kiel adverbon. Sed kiel li klarigas ĝian adverbecon en la esprimo: „du vinbareloj po cent litroj"?

4. Li ŝajne pledas por „dum kiam", monstraĵo de kelkaj germanaj supergramatikistoj. Nu, jen evoluo, de kiu oni devas urĝe regresi al la bona maljuna zamenhofa „dum". Kial? Unue, ĉar „dum kiam" estas superflua. Due, ĉar ĝi estas absurda: *tempopunkto* (kiam) ne povas *daŭri* (dum). „Dum kiam" estas same logika kunmeto, kiel „laŭlonge de punkto".

5. Ankaŭ lia kondamno pri la kondicionalo post „kvazaŭ" ne estas pli motivita. Sed pri tio mi eble parolos alian fojon.

Nun mi volas iom paroli *pro domo*. Mi kredas, kaj eble ne senbaze, ke la dikaj jarkolektoj de L. M. kaj la 80 libroj de la L. M.-eldonejo estas grava pliriĉiĝo de nia literuro. Ankaŭ la aŭtoro nomas L. M. „grava faktoro en la historio de Esperanto". Sed el lia pritrakto tute ne vidiĝas ĝia gravo. Dum por la libroj kontrolitaj de ELA li trovas nur vortojn de laŭdo, pri L. M. la 25%-n da pli malpli favoraj vortoj li pakas en 75% da riproĉo kaj malaprobo. Stranga motivado estas, ke li ne povas dediĉi apartan konsideron al la diversaj L. M.-libroj „ĉar ili estas tro multaj". Li parolas pri „lingve kaj stile modelaj verkoj", sed li ne trovas necesa mencii ilin, kiel li mencias ekz-e la seninteresan detektivromanon de Argus aŭ la sensignifan Heine-volumeton de Pillath, — ĉar la ELA-libroj, al kiuj ili apartenas, estas malpli multaj.

Ni rigardu la tri grandajn riproĉojn, kiujn li faras al L. M.

1. Laŭ li, „la komerca karaktero superombris la literaturan valoron". Ĉu tio estas vera? Mi atentigas nur pri tio, ke neniu eldonejo aperigis tiom da poemlibroj, kiom L. M., kvankam tio evidente ne estas bona negoco.

2. La kunlaborantoj de L. M. „prenis sur sin aŭtoritatan pozicion" pri lingvaj demandoj.

3. Ili tamen „aplikas iasence tro liberalan starpunkton koncerne la lingvan kvaliton de siaj eldonoj".

Oni ne devas esti tre malica por diri, ke L. M. vere ne petos de la autoro konsilon pri sinteno, ĉar tiam ĝi devus freneziĝi. Kia do ĝi estu, ĉu aŭtoritata aŭ liberala? Aŭ, pli serioze: kie estas la limo inter la dezirinda kaj nedezirinda liberaleco au aŭtoritateco. Mi timas, ke tion determinas la personaj prilingvaj preferoj de la aŭtoro.

La aŭtoro parolas pli multe pri la „Strato de fiŝanta kato", ol pri la ceteraj 79 eldonaĵoj. Mi memoras, ke tiu libro estis tre urĝe eldonita kaj tial restis en ĝi multaj preseraroj kaj ankaŭ eraroj lingvaj (*sia*-pekoj, manko de pronoma subjekto post „ke" kaj „ĉar", kondicionalo post adverba „kvazaŭ" kaj similaj). Sed ĝuste tiuj formoj „esence naciaj", kiujn la aŭtoro kondamnas, apenaŭ ekzistas en ĝi, almenau ne estas pli multaj, ol en la libroj aperintaj sub la egido de FLE; eĉ, la flueco de la traduko estas alte super la nivelo de multaj verkoj laŭdataj de l'aŭtoro. Alia afero: la Van-Loon-traduko de Saville estas stampita kiel „fiasko pro malbona traduko", ĉar la tradukinto „havas nenian komprenon" pri la geografiaj nomoj, kiuj, kiel la aŭtoro tuj poste konfesas, montras „unu el niaj malfortaj flankoj", estante „nesolvita problemo".

Pri la Plena Gramatiko, la aŭtoro ripetas la akuzon, ke Waringhien kaj mi pretendas por ĝi „autoritaton, kiun ĝi ne povas havi". Nu mi opinias, ke tia libro tamen havas aŭtoritaton jam per tio, ke ĝi ekzistas, per la granda laboro, kiu estas en ĝi amasigita. Krome, pri la opinioj troveblaj en la libro oni ne povas diri, ke ili estas dekretoj; ili ja ĉiam estas apogitaj per longaj — eble eĉ tro longaj — rezonadoj. Ĝuste la aŭtoro faras neargumentitajn asertojn pri gramatikaĵoj (vd la suprajn 5 punktojn). Mi kredas, ke li ne faras bonan servon al nia lingva unueco, kiam li diras pri la P. G., ke ĝi estas „leĝaro nepre malakceptinda", se ne paroli pri tio, ke tia kondamno kontraŭ la *tuta* verko estas vere monstra maljustaĵo, ĉar ĉiu ĝin komprenos tiel, ke en tiu gramatiko ne ekzistas eĉ unu aprobebla aserto.

La aŭtoro diras, ke kelkloke mi trudas mian personan opinion „kondamnante aliies preferojn". Sed, ĉu tiuj „aliiuj" protestas kontraŭ tio ne tial, ĉar ili volas trudi siajn preferojn proprajn?

Kelkaj demandoj ankoraŭ: Ĉu oni povas *konstati* multe pli multe ol necesas? Ĉu „plej genia solvo de duba afero" ne estas samsignifa kun definitiva decido, kiu forstrekas ĉiujn aliajn provojn de solvo? Kion signifas tio, ke „ekzistas tre granda diferenco inter lia propra intence elcentra (?) lingvouzado kaj liaj juĝoj recenze donitaj pri verkoj, en kiuj svarmas eraroj ..."? Ĉu tion, ke mi ne obeas tiujn postulojn, kiujn mi metas por aliaj? Tio estus grava akuzo, kiun oni devus dokumenti.

La aŭtoro eble rigardos mian recenzon venĝo, kiu lian avaron je rekono kaj lian malŝparon de malaproboj rebatas en la sama maniero. Sed li pripensu, ke li, verkante historion, faris akran atakon, dum mi, verkante kritikon, devis fari justan defendon.

*K. Kalocsay.*

---

**Preseraroj en la antaŭa numero.**

En la poemo „Kompato", pĝ. 8, dua kolono, tria strofo: anstataŭ „transportu" legu „transpontu".

En la poemo „La Mesfaranto", pĝ. 21. dua kolono, 4-a verso: anstatau „maljunul'" legu „maljuno"; samloke, 6-a verso: anstataŭ „malfermis" legu „malfermas". La nomo de la tradukinto estas: Hector *Vermuyten*.

Sur pĝ. 27. tria kolono, 17 linio, anstataŭ „kvin plus kvar homoj" legu „kvin plus unu homoj"; samloke, en la 25. linio, anstataŭ „kvin plus unu homoj" legu „plus unu homoj".

## NIAJ REPREZENTANTOJ

*AFRIKO:* Afrika Revuo, Maroko, *Casablanca*, 5 rue Savorgnan de Brazza.

*AUSTRALIO:* F. V. Taylor, *Albury*, N. S. W. 653 Jones Street.

*AUSTRIO:* Librovendejo „Tramondo", *Wien*, I., Neutorgasse 9.

*BELGUJO:* Flandra Esperanto Instituto, *Brussel*—West, Pieter van Humbeckstr. 3.
Belga Esperanto Instituto, *Antwerpen*, 127 Lange Leemstraat.

*BRITUJO:* Universala Esperanto Asocio, Heronsgate. *Rickmansworth*.

*BULGARIO:* Internacia Kulturo, *Sofio*, str. Alabin 33.

*ĈEHOSLOVAKIO:* „Revuo Esperantista", *Praha*, Uralské Nám 9.

*DANUJO:* Libro-Servo de CDEL, *Kopenhago*, Pr. Jorgensgade 4 A.

*FINNLANDO:* Vilho Setälä, *Helsinki*, Onnentie 23.

*FRANCIO:* Unuiĝo Esperantista por Francio, *Paris*, 10 e. 34 rue Chabrol.

*HUNGARIO:* Béla Berceli, *Budapest*, VIII., Rökk Szilárd-str. 28. Poŝtĉekkonto nro. 4014.

*ITALUJO:* Luigi Minnaja, Roma, Viale Giulio Cesare 223.

*JUGOSLAVIO:* Slovenia Esperanto Ligo, *Ljubljana*, Cankerjevo Nabrazje 7/1.

KROATIA Esperanto Ligo *Zagreb* II. Amruseva 5/1.

*NEDERLANDO:* Nederlanda Esperanto Centro, *Rotterdam* W. Huygensstraat 17. B.

*NORVEGIO:* Norvega Ligo Esperantista, Librofako, OSLO, Boks 942.

*POLUJO:* Isaj Dratwer, *Warszawa*, 11 Listopada 22. T. O. Z.

*PORTUGALIO:* Saldanha Carreira Jorge, *Benfico*-Lisboa, Grao Vasco 33, r/c.

*RUMANIO:* Societo Esperantista Rumana, *Bukuresti*, Casuta Postale 9.

*SVEDUJO:* Förlagsföreningen Esperanto, *Stockholm*, 19, Fack 19.071.

*USONO:* Esperanto Asocio de Nord-Ameriko, *New-York* 11, 114 West 16-th Street.

---

Kiuj deziras reprezenti la „Esperanto Film-Grupo"-n en sia lando, bonvolu sin anonci grandnombre el ĉiuj landoj. Antwerpse-straat 45, Bergen op Zoom (Nederlando).

Felelős szerkesztő és kiadó: Berceli Béla. — Globus rt., Budapest, VI., Aradi-u. 8. — Felelős vezető: Margittay Antal ig.